XVIIIª jaro. Nº 265 (9) ☆ Monata ☆ Septembro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THEÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## XIVa Universala kongreso en Helsinki

La XIVa Universala kongreso de Esperanto estis modele organizita kaj ĝiaj 1200 partoprenintoj ĝin memoros kiel admirindan feston. Lastan jaron en Praha, venontan jaron en Nürnberg oni vidis kaj vidos multe pli grandajn ciferojn pro la pli centra situacio en Eŭropo. Finnlando estas ja por plej multaj esperantistoj tre malproksima loko kaj tamen sep cent eksterlanduloj vojaĝis tien kaj plenigis sian koron per neforgeseblaj impresoj.

La lando estas belega. La ĉefurbon ĉirkaŭas sennombraj insuloj kaj trankvilaj marakvoj atingas ĝian koron. Ĉe la flora vendoplaco, apud la verda Esplanado, haltis la ŝipoj el Stettin, el Talinn, el Lübeck, el Hull kaj ĝoje salutanta popolamaso kun verdaj standardoj bonvenigis la alvenantojn.



VIDAĴO EL HELSINKI

La Kongresa Libro estis perfekta. Ĝi entenis ĉion: klarigojn, programon, vortareton esperanto-finnan, oficialajn dokumentojn de K. K. K. kaj UEA, eĉ numerojn por rekoni la lokojn sur aldonita urboplano. La Akceptejo sidis en belega palaco kun esperantaj flagoj kaj ĉiunaciaj standardoj ĉe l'impona kolonaro. Esperantaj poŝtejo, telegrafejo, banko, restorejo, informejo kaj librejo funkciis admirinde.

La koncertoj okazis en Artpalaco, en Studenta Domo kaj en Nacia Finna Teatro. Ĉio estis plej bone preparita por doni al la kongresanoj lernigan kaj ĝuigan impreson pri arto, muziko, literaturo kaj popolkutimoj de Finnlando. Eĉ maljuna vilaĝkantisto de l'Norda Karelio venis por aŭdigi al ni kelkajn versarojn el la antikva Kalevala poemaro. Feliĉa estas ja tia lando, kie ankoraŭ vivas bardoj por konservi la parolan tradicion de nacia epopeo sur lipoj de generacio al generacio tra miljaroj!

La solena inaŭguro okazis en la vasta finna teatro. La kongreson malfermis la Ministro de Publika Instruado kaj lian paroladon sekvis rimarkinda prelego en Esperanto de fama lingvisto kaj eksministro Profesoro Setälä, patro de l'ĉeforganizinto de la kongreso. Oficialaj reprezentantoj de l'Internacia Laboroficejo de la Ligo de Nacioj, de l'Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco kaj de naŭ registaroj ankaŭ salutis la kongreson en nia lingvo. La Prezidanto de l'Respubliko Finnlanda invitis al sia palaco la estraron de l'kongreso kun la ĉefaj reprezentantoj el ĉiuj nacioj kaj akceptis ilin plej afable kun sia ministraro. La Ministro por Eksterlandaj aferoj promesis informi la Ligon de Nacioj pri la sukceso de la kongreso.

La kunsidoj okazis en Nobelara Domo, kies historia salonego prezentas riĉe koloritajn murojn kun centoj da familiaj ŝildoj. La unuan fojon la kunsidoj de UEA kunfandiĝis kun la ĝeneralaj kunvenoj. La dezirita unuiĝo de ĉiuj fortoj estis ekrealigata. UEA fariĝis oficiala institucio. La naciaj societoj havos komunan interkorespondejon en Parizo kaj ambaŭ flankoj de nia movado (laŭnacia kaj tutmonda) elektos centran komitaton, kiu zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de Esperanto kaj kolektos monon por ebligi efikan laboradon de la Lingva Komitato. Tiu rezultato estas ĝojiga rekompenco al la pacienca laborado de S-ro Page, kiu tiel kore klopodis por helpi interkonsenton, kaj ĝi samtempe estis meritita kuraĝigo al niaj samideanoj el Helsingfors, kiuj tiel bone organizis nian novepokan XIVan kongreson. Al nia senlaca amiko Vilho Setälä, al liaj kunlaborantoj Sanström, Ahonius, Jalava, Kostiainien, Ĉernoĥvostov kaj al ĉiuj ceteraj sin donaj helpantinoj kaj helpantoj, kiuj nin tiel afable gastigis, ni esprimas tie ĉi plej koran dankon kaj gratulon.

*Edmond Privat.*

## Kongresaj impresoj

— Bonan tagon, amiko!
— He! Jen vi en Helsinki?
— De hieraŭ, kaj vin mi serĉas.
— Ĉu vere?
— Mi tre ŝatus se vi verkus por nia gazeto...
— Artikolon...
— Artikoleton.
— Dum mia libertempo, mi ne volonte skribas...
— Kelkaj frazoj ne estos laborego. Vi raportos pri la amuzaĵoj; nur pri tio. Ĉu vi konsentas?... Vi ridetas; midankas.

— — — — — — — — — — — —

Do, al amika peto mi obeas.

### Lahti kaj Heinola

Je la 5a de Aŭgusto jam (tio estis antaŭ la Kongreso), la feliĉuloj per „Ariadne" alvenintaj (mia supra amiko ŝipveturis ankoraŭ sur la Baltiko) faris ekskurseton al *Lahti* kaj *Heinola*. Ĉirkaŭ 130 km vagonare kaj ŝipe! Ni ja devis iomete interkonatiĝi kun la specialaĵoj de *Suomi**) ĉu ne?... Prijuĝu: strangaj lokomotivetoj per ligno hejtitaj; vagonoj komfortaj kun duoblaj fenestretoj... La soifuloj (tiaj homoj ekzistas ĉie!) konstatis plezure, ke en Finlando oni pensas pri ili. En ĉiu kupeo, eĉ en 3a klaso, ili havas, je sia dispono, karafon da... *akvo*. Alkoholo estas severe malpermesata.

*Lahti!* La vagonaron ni forlasis por enŝipiĝi. Dum kvin horoj ni naĝis sur la finnaj lagetoj... Dekstre, maldekstre, arbaregojn ni vidis, arbaregojn oni vidas. Ĉi-tie, insuletojn; tie, solan dometon inter betuloj, aŭ blankan lumturon apud abioj... Jen ŝipeto posttrenanta flosojn per trunkoj ŝarĝitajn... Sed la ŝipo ekhaltas. Ni eniras kanalon per kluzo baritan. Kvaronon de horo ni atendas. Sur la bordoj, geknabetoj vendas ĉu fragojn, ĉu ribojn. Denove, ni ekveturas... La kluzon ni vidas malantaŭe. Sur alia lageto ni ĝojas. Pentrinda ĉirkaŭaĵo nin ĉarmas. Mirinde plaĉas al la fremdularo la lando de mil lagoj. Subite, pluvas; ho, pluvegas! Tamen, blua estas la ĉielo. Forlasante la ferdekon, ĉiuj malsupreniras en la kelon... Ha, ha, ree la suno! Ĉu la vetero mokas nin? Sed la geesperantistoj ne perdas tempon: ili jam manĝas ŝatante la mil antaŭmanĝaĵojn de l'gastama Finnlando...

*Heinola!* Adiaŭ al la ŝipo! La verdan gvidantan flagon sekvas ŝafe la verdsteluloj. Vespersuno belega. Naturo nekonata de ni. Silento regas. Oni ne kuraĝas paroli, ĉar la okuloj grandiĝas por rigardi, por ĝui la finnan naturon.

— Gesamideanoj, diras la gvidanto (ĉarma studento, kiu neniam forgesas sian koloran kaskedon), okupita estas la hotelo. Ĉar neniu atendis nin tiel multaj, ni klopodos loĝi en privataj ĉambroj. Ĉu vi...? Jes, bone... Bone! La gvidanto sukcesis; kiel gliroj ni dormegis.

La morgaŭa tago estis dimanĉo. En tiu vilaĝo, restadejo de gebeluloj kaj geriĉuloj, ni havis apartan ŝancon. Granda maskobalo estis okazonta. Vespere, ni ĝin ĉeestis. Ĉe ĝi, ni dancis... Fama kantisto de l'nacia teatro el Helsinki honoris nin, esperantistojn, per solkantoj: *„La donna è mobile"* (Rigoletto), *„l'Arioso di Canio"* (I. Pagliacci) kaj finlandaj melodioj. Lin ni multe aplaŭdis. Lia kristala voĉo nin ravis. Al li sakon da dankoj en la nomo de l'ĉeestantaro.

„Tuut, tuut!... Tuut, tuut!... La ŝipo nin avertas. Je la tria matene, ĝi forveturas kaj la dancado devas fini. Ni pretiĝas, ni rapidas, ni kuras... Heinola estas for...

En la ŝipo, silentas ĉiu. Sur ĉiu benko, ĉe ĉiu anguleto, esperantisto dormas. Nur unu bruegas: hispano estas... Estas nazmuzikanto, kiu ronkas, ronkadas. Oni lin tiklas, sed vane... Ok horojn poste, ni revenis ĉarmegitaj al la urbo de l'Kongreso.

*) *Suomi* estas la nacia nomo de *Finnlando*.

### Interkonatiĝa festo

Estas ja kutimo kaj devo samideana, ke ĉiuj partoprenantoj al Kongreso interkonatiĝu antaŭ la solena malfermo. Ni kunvenis en la Artpalaco de Stenman kaj Odd. Trapasante la diversajn ĉambrojn per pentraĵoj ornamitaj (ni estis en la plej granda ekspoziciejo en Finnlando) ĉiu rigardis, salutis malnovan konatulon, premis manojn, deziris bonvenojn, ŝanĝis vizitkartojn... Virĥoro nin plezurigis; orkestro dancigis la fervorulojn de Terpsikoro: la interkonatiĝo estis farita.

### Suomen Laŭlu

Tia estas la nomo de unu el la plej famaj inter la famaj ĥoroj de l'Nordo. En belega koncerto, ni ĝin aŭdis horojn post la emocia malfermo de nia XIVa. La vortoj ne taŭgas por sufiĉe priskribi la kontentigon, kiun ni havis la merkredon 9an, nek por laŭdi la freŝajn voĉojn kaj laŭtaktecon de l'mirindaj kantantoj... Ilin mi ankoraŭ vidas. Duonronde starantaj, la viroj malantaŭ la virinoj, blankaj vestoj antaŭ la ceremonia nigraĵo, ilin mi ankoraŭ aŭdas... Dank' al ili, ni ŝatis finnajn mezepokajn kaj modernajn melodiojn. Sed, ni ĉeestis *„finfajraĵon"*. Ilia gvidanto talenta S-ro Heikki Klemetti, al ni aŭdigis *„Kia stranga, forta voko"*, kanton belegan de li komponitan, laŭ poemo de esperantista poeto D-ro St. Schulhof.

### Finnlanda naturo kaj kulturo

Por ke la ĉeestantaro kontentiĝu, la L. K. K. nenion preterlasis... Ekskursojn, koncertojn, kinematografon ni havis. Jes, kino!... Per zorgo de l'Ekstera Ministerio oni montris al ni grandiozan propagandan filmon. Ties partoj estis interesplenaj:

Ĉu vi kredus, ke la havenoj de *Abo* kaj *Helsinki* kovriĝas per glacio dum la vintro? Ni vidis kiel la ŝipo *„Sampo"* rompas dumvintre la supraĵon glacian kaj malfermas la vojon al la ŝipoj, kiuj ĝin sekvas. Ni vidis la bredadon de hejmaj bestoj (finnaj bovinoj estas senkornaj)... Ni vidis laktejojn, fabrikon de butero... Hakadon de abioj... Jen la transporto de l'trunkoj sur riveroj. Mirindaj tiuj viroj, kiuj ekvilibrante sur trunko veturas rapidege sur la akva superaĵo, observante la naĝantan lignon... Sur tero, tiradmaŝino, rampante kiel raŭpo, trenas la trunkojn de l'arbaro ĉu al paper-, ĉu al celulozfabriko... kaj la filmo daŭrigas: jen la militistoj... jen la sportistoj, la gimnastikistoj... Jen konkurso de glitkurado. Oni dirus, ke la personoj flugas... Ha, ha! jen la fiŝkaptado... kiom da salmoj!...

Tiamaniere, sidante en komfortaj brakseĝoj, ni ĉiuj iluziis vojaĝi tra la finna lando, viziti la finnan industrion, interkonatiĝi kun la simpatiaj Finnoj... Sed la lumo venis.

### Festvespero

La saman tagon, vespere (la Kino-Palatsi kunigis nin matene), ni eniris la Finnan Nacian Teatron. La programo, kvankam diversa, formis tamen unuecan tutaĵon. Ĝi montris, kiamaniere la finnlanda literaturo moderna kreskis el la popola *Kalevala**) poemaro. Popolaj kantistoj kaj ludistoj (restaĵo el la formortinta generacio, kiu kreis la ĉefverkon de finna popolo) komencis la serion de l'prezentadoj. Ili ludis, ili deklamis. Du solkantistinoj: *Helga Sailo* kantis popolajn melodiojn kaj *Hanna Granfelt*, famekonata kiel brila najtingalo ĉe l'muzikcentroj de Eŭropo, modernan malfacilegan artmuzikon. La unua estis akompanata per *Kantelo*, evoluinta el la popola instrumento en koncertmuzikilon, kvazaŭ *citero*: *„Suomen Laŭlu"* finis la muzikajn prezentaĵojn, sed, intertempe, oni vidigis al ni popolajn dancojn.

La vesperon kronis Esperanta prezento de l'komedio *„La Fianĉiĝo"*, kies aŭtoro, Alexis Kivi, fondis la modernan finnan literaturon. Unuakta teatraĵo, sed interesa, karakteriza.

*) *Kalevala* estas la nacia epopeo.

La aktoroj (ili tre flue kaj bone deklamis) apartenas al la Nacia Teatro, kaj ili lernis nian lingvon speciale por ĉi-tiu okazo. Ili vivu!

### Kalevala kaj Runeberg

Post la instruoplena festvespero, ni kongresanoj havis ŝuldon. Tial ni volonte faris promenadon tra la urbo por alporti florojn al la monumentoj de *Kalevala* (finna popola epopeo kies variaĵoj superas 35 mil) kaj *Runeberg* (poeto finna kvankam li nur svede verkis). D-ro Privat kaj D-ro de Kaloscay parolis kaj alkroĉis kronon.

Dumtempe, Suomi-Filmi filmadis la esperantistaron irantan tra la Helsingforsaj stratoj. Amuza detalo: du tagojn poste, ni povis nin admiri sur la ekrano de *l'Kino-Palatsi.*

### Ekveturo al Munkkiniemi

Marŝi, ĉeesti koncerton aŭ teatraĵon estas laciganta. Jen kial, apenaŭ fininte la supran promenadon, ni ekveturis, per specialaj tramvagonoj, al riĉa hotelo Munknäs en Munkkiniemi. Tie, ni iom ripozis. Tie, sidante ĉe artistaj tabloj, per naciaj flagetoj ornamitaj, ni atakis la menuon. La batalo estis agrabla. Fine, ni ĝin venkis... Inter la pladoj, inter la glasoj da akvo aŭ lakto, taŭge naturdotitaj samideanoj paroladis... Mi konfesas, ke oni ne tro atentis. Vi ja scias — ho legantoj — ke malsata ventro orelojn ne havas! ... Oni deklamis, oni kantis, oni ŝercadis... ĝis malfrue.

### Helsingin Työväen Mieskuovo

Tiuj-ĉi tri vortoj nomas laboristan virĥoron. Fama ĝi estas kvankam nur dekkvarjara. En koncerto laŭdinda, ĝi interpretis kantojn el la plej gravaj finnaj komponistoj. Sed ĝi ankaŭ finis per esperanta kanto *„La Espero“*: Al ĝi ree niajn aplaŭdojn ni sendas.

### Imatra kaj lago Saimaa

Horeton post la supra koncerto (pardonu se mi eraras), multaj gesamideanoj forveturis al Imatra per rezervitaj litvagonoj. Nokto amuza, sed trankvila. Je la sekvanta mateno, preskaŭ duondormantaj, ni vizitis tramveturile la urbon *Viipuri*... kaj ni daŭrigis la ekskurson... La vetero ne estis favora. Ventegis kaj pluvegis. Sed la vidindaĵoj de Imatra nin allogis... Jen ni alvenis. Malgraŭ la veteraĉo, ni veturis al la akvofaloj de Vallinkoski. Belegaj ili estas. La vojaĝon ili ambaŭ valoras. Spite la pluvego, ni ne restis en la hotelo. Kuraĝe ni promenis sub la ŝirmiloj, kaj faris riĉan provizon da okulaj memoraĵoj. Posttagmeze — ĉiam sub la akvaj gutoj — ni alvenis ŝipe al Lappeenranta.

Lappeernanta! Urbeto militista! Sur la stratoj, oni renkontas nur militistojn... gvardistojn de l'finna sendependeco. Bedaŭrinde, ni eklaciĝis; la kruroj petis ripozon. Jen subitaj ridegoj. Ĉiu kuretas. Kio okazas? Urseto petolante la ekskursantojn amuzigis... ĝis la ekveturado al Helsinki.

### Internacia Kostumbalo

Kiel ĉiu agrablaĵo, same ankaŭ finiĝis la amuzaĵoj de l'XIVa Kongreso, sed per gaja kostumbalo. Ne estus facile priskribi la kostumojn, kiujn oni rimarkis en la Studenta Domo. Ĉeĥa kaj finnaj, holandaj kaj hungara, alzaca kaj berna, ĉio samideane babiladis, ridadis, dancis, kantis, danc adis... Pli ol tridek nacioj kune, sin komprenante, sin amuzante, ĉu ne estis kvazaŭ triumfo? Certe!

Tiel la organizantoj de l'XIVa estu fieraj. Kiel ni ilin ŝatas, ili jam scias. Ni al ili jam diris nian koran dankemon: la tagoj, kiujn ni travivis en Helsingfors, restos neforgeseblaj. Nomojn, kiel *Setälä, Sandström, Jalava, Kostiainen* k. c. oni legos en la ora libro de l'Esperantistaro. Ili vivu, vivu, vivu!...

Kaj ĝis revido en Nürnberg.

*J. M. Arago,* (Genève).

### Solena malferma kunsido

(Merkredo 9 Aŭgusto 1922.)
En Nacia Teatro, Helsinki.

Post aŭdo de himnoj „Finnlandia“ kaj „La Espero“ luditaj de la Kornorkestro, S-ro V. Loimaranta, ministro de instruado de Finnlando, malfermas la XIV. Universalan Kongreson de Esperanto. Per afablaj vortoj en finna lingvo, tradukitaj de S-ro Setälä, li bondeziras la kongreson kaj finas per kelkaj malfermaj paroloj en Esperanto. S-ro John Mabon Warden, prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj prezentas al la voĉdono la jenan estraron de la kongreso:

Prezidanto: K. von Frenckell
Vicprezidantoj: A. Sandström
Dro Edm. Privat
Naciaj Vicprezidantoj:
Estonio: H. Sakaria
Britujo: John Merchant
Ĉeĥoslovakio: A. Pitlík
Germanujo: Dro Arnhold
Pollando: Stan. Essigman.
Ĝenerala Sekretario: Gabriel Chavet
Sekretarioj: Vilho Setälä
H. Jakob
Helpsekretarioj: F-ino Elli Ahlström
Ilmari Ekström
Aarne Selinheimo.

Ĉiuj nomoj de tiu-ĉi estraro estas aplaŭde akceptataj. S-ro Karl von Frenckell prenas la prezidantecon, proponas danki la Lokan Kongresan Komitaton por ĝia granda kaj bona antaŭkongresa laboro; li ankaŭ dankas je la nomo de la kongreso S-ron Stählberg, prezidanton de la Finna Respubliko. S-ro von Frenckell parolas en finna lingvo pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj kaj svede pri la komerca praktiko de Esperanto. Li deziras koran bonvenon al la kongreso en la nomo de la finnlanda Esperantistaro. Li salutas la edzinon de nia majstro kaj dankas ŝin, ke ŝi bonvolis partopreni en la kongreso kaj finas per varmaj vortoj de homara kaj firma konvinko pri la bonsukceso de nia afero.

S-ro Profesoro E. N. Setälä prezentas festan paroladon pri demando de lingvo internacia. La prezidanto dankas lin kaj rimarkigas, ke la parolado de tiu-ĉi fama sciencisto kaj filologo donis al ni valorajn argumentojn por kontraŭbatali la ankoraŭ ekzistantajn dubojn pri «artefarita» lingvo.

### La mondlingva problemo

**Referato ĉe malfermo de la XIVa Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki**

de profesoro *D-ro Emil Setälä,* honora prezidanto de la Kongreso.

Ŝajnas nenecese pentri al la estimata kunvenintaro la lingvajn malfacilaĵojn, kiujn renkontas praktikanto de scienca esplorado. La laborantoj sur la kampoj de multaj sciencoj devas esti kapablaj uzi fontan literaturon ne nur en tiuj lingvoj, kiujn parolas la grandaj kulturnacioj, la angloj, francoj, germanoj, italoj, hispanoj, sed en ankoraŭ multnombraj aliaj lingvoj. Kaj la malfacilaĵoj, kiuj rezultas el tio, estas sendire klaraj. El la mallonga homa vivo, kiu devus entute esti dediĉita por servado al la scienco, por atingi ian rezultatojn, estas necese en la kampo de multaj sciencoj oferi multan tempon al lernado de lingvoj kaj por deĉifrado de la diverslingvaj skribaĵoj — per helpo de aliaj, kiam la esploranto mem ne sufiĉe konas la koncernan idiomojn. Kaj ofte valora informo restas neuzita pro lingvaj malfacilaĵoj. Kaj ne sufiĉas al sciencisto eĉ tio, ke li lernas utiligi fontojn de diversaj lingvoj: se li estas ano de malgranda nacio, li devas ankoraŭ lerni almenaŭ unu el la tiel nomataj grandaj kulturlingvoj en tia grado, ke li kapablas sin esprimi per ĝi, por konigi siajn verkojn al pli vasta rondo de sciencistoj. Pro la diverseco de la lingvoj li nome

povas esti certa, ke liaj verkoj restas nelegataj kaj sen atento, se li publikigas ilin nur per sia gepatra lingvo, konata en malvasta rondo. Kaj tio ne estas malgrava ŝarĝo: ellerno de fremda lingvo en tia grado, ke oni kapablas facile kaj ĝueble sin esprimi per ĝi, ne estas facila, kaj por multaj, al kiuj mankas la speciala talento, eĉ neebla.

Pro tio la demando pri *komuna lingvo por la scienco* ripete sin prezentis kiel urĝa problemo. Sed la problemo fariĝas kompreneble ankoraŭ pli vaste signifoplena por la tuta homara kunvivo, kiam al ĉi tiu problemo estas ligata la demando pri komuna lingvo por ĉiuj bezonoj de interhoma komunikiĝo, komerco, turismo, politiko kaj diplomatio, eĉ pri helpa kaj pera lingvo por la kulturbezonoj de tiel malgrandaj nacioj, kiuj ne povas havigi al si propralingvan literaturon.

La demando estas grava kaj vasta, eble unu el la plej gravaj en la homara vivo. Multaj konsideras ĝian solvon kiel nuran utopion, kaj almenaŭ pri la formo de solvo la opinioj ŝajnas diverĝi. Simile kiel, laŭ malnova rakonto, la lingvoj disiĝis dum la konstruado de la Babela turo, tiel ŝajnas la pensoj disiĝi ĉe la solvo de ĉitiu problemo. Vi, estimataj kongresanoj, kiuj kredas je la ebleco solvi ĉi tiun demandon, povas tamen ĝoji pri tio, ke la opinioj ŝajnas kristaliĝi en kelkaj rilatoj al unueca solvo.

Unue ŝajnas, ke ni povas konstati, ke ne ekzistas diversaj opinioj pri tio — se nome la problemo estas solvebla — ke estas uzota kiel rimedo de komuna interkompreniĝo *parolata* lingvo, kiu skribite per fonetika signaro estas videbligota. Certe ekzistas provoj de la ideografia skribaĵo, kiun ĉiuj komprenus sendepende de tio, kiel ili elparolus la vortojn en sia propra lingvo. Simile kiel sudĉino ne komprenanta la parolon de nord-ĉino, kaj eĉ ĉino kaj japano povas interkompreniĝi per la ĉina vortskribo, same oni pensis, ke ia *pasigrafio* povus starigi komprenon inter ĉiuj popoloj de la mondo. Ne estas necese ke mi diru, ke la celo estas malfacile atingebla per ĉi tiu vojo. Por tia vida lingvo estus necese krei kompletan gigantan sistemon de signoj, en kiu kreado oni ne povus sin apogi sur la sperto atingita en la evoluado de homa lingvo, kaj la ellerno de la sistemo prezentus grandajn malfacilaĵojn. Estas tute nature, ke oni serĉas rimedojn por komuna interkompreniĝo sur tiu vojo, kiun la homo ĉiam uzis, utiligo de *parolata* lingvo, kiu estas unu el la plej gravaj distingiloj de h o m o. Estas demando nur pri tio, el kiu fonto oni ĉerpu la komunan lingvon, kiam la homaro dividiĝas en multegajn grupojn ĉiu kun aparta lingvo, ĉu estas elektota iu el la ekzistantaj lingvoj, aŭ ĉu estas kreota por tiu celo tute nova lingvo. Aŭ, kiel oni kutime diras, ĉu la rimedo de komuna interkompreniĝo estu „natura" aŭ „artefarita".

La demando estas en la lasta formo malĝuste formulita. Ĝi spegulas sendube la antikve komunan koncepton pri lingvo kiel organismo aŭ naturprodukto, kaj el la vidpunkto de tiu koncepto la respondo estas preta apriorie. Ĉar la lingvo, laŭdire, nome estas naturprodukto aŭ almenaŭ la sola ebla esprimo de la animo de iu popolo, „artefarita" lingvo estas per si mem io antagonisma al la esenco de lingvo, kaj rifuzinda. Se la lingvo foje naskiĝas, kreskas, vivas kaj mortas kvazaŭ iu planto, estas klare, ke „artefarita" lingvo ne estas lingvo pli ol artefarita floro estas floro. „Physei" aŭ „thesei" — ĉu de naturo ĉu de interkonsento — estas la malnova demando jam de helena lingvofilozofio kaj kiel multe la moderna lingvesplorado jam klarigis la vivon de lingvo, la demando ankoraŭ ne ĉesis ekzisti almenaŭ, en tiu senco, ke multaj nuntempaj esploristoj malfacile konsentas la multflankan dependon de lingvo el la homa volo kaj el ĝia ĉefa celo — esti rimedo de interkompreniĝo. Lingvo estas — tion oni ne tro ofte rememorigos — rezulto de homa kulturo, kaj ju pli la lingvo estas intencita por servi la plej altan kulturon, sciencon, arton kaj socian vivon, des pli la homa volo superpotencas la lingvon, des pli la lingvo fariĝas tia, kian ni povus nomi artefarita. Plej klare la influo de la homa volo sin manifestas en la formado de frazoj, kie multegaj variadoj estas eblaj, same kiel ĝenerale en la kombinado de vortoj, ĉar la nombron de la eblaj kombinaĵoj ni povas taksi preskaŭ senlima. Sed ankaŭ en la formado de kunmetitaj kaj derivitaj vortoj kaj en la vortformado ĝenerale la homa volo ludas gravan rolon.

La historio de preskaŭ ĉiuj lingvoj povas montri, kiel certaj vortoj, antaŭ ĉio „teknikaj terminoj" estis formataj tiamaniere, ke vortoj estas kreitaj laŭ bezono, certe ofte kun helpo de antaŭaj modeloj, sed ofte ankaŭ tre libere. Tiel estas konate, ke tia tute internacie uzata vorto, kiel *gaso* estas libere kreita de la Brusela alkemisto Van Helmont. Sed povas okazi ankoraŭ pli mirindaj aferoj, kiel ekzemple la historio de hungara lingvo povas atesti. Tiel ekzemple la hungara verkisto Döbrentei proponis en Hungara Akademio ke ‚spritaĵo' estu nomata hungare *„élc"* — él signifis akrecon, sed spritaĵo devis enhavi ion fajrerantan (hungare *percenni*), kion oni povus montri per aldono de la finaĵo *c*. Kaj ‚spritaĵo' estas efektive nomata hungare *élc*. Ankoraŭ pli kurioza estas la historio de la hungara vorto *minta* = ‚modelo, formo'. Hungara jezuito J. Sajnovics, kiu, dum iu astronomia ekskurso al Nordkap faris notojn pri la lapona lingvo kaj rimarkis la parencecon de hungara kaj lapona lingvoj, eldonis pri ĉi tio verkon en 1770. En tiu verko li citas, ke la laponoj tradukas la ideon de ‚formo, ekzemplo, modelo' per la vorto ‚*minta*', laŭ li pli hungare ol la hungaroj mem. Ĉar, la vorto *minta* estas analizebla: *mint* = hungare ‚kiel' kaj *a* = hungare ‚tiu', sekve *minta* = ‚kiel tiu'. Li proponis, ke tiu vorto estu ekuzata, kaj ĝi efektive atingis tute ĝeneralan uzadon. Tiel oni diras ĝenerale ekzemple *mintagymnazium* = normala (modela gimnazio ktp.). Estas necese nur aldoni, ke tia etimologia analizo de la lapona vorto estas tute malĝusta; eĉ la vorto ne estas origine lapona, sed devenas el la skandinavaj lingvoj!

Kiel ekzemplon pri tio, kiel tuta lingvo iom post iom kaj esence dependante de homa volo povas ŝanĝi sian formon, ni povas citi la literaturan aŭ komunan finnan lingvon. Kiam oni komencis en la 16a jarcento uzadi finnan lingvon en literaturo, la uzita dialekto estis esence tiu de la distrikto ĉirkaŭ Åbo. Pro diversaj transformiĝoj, kiuj parte bazas sin sur la lingvo uzita en la malnovaj runoj de finna popolo, parte sur proponoj faritaj de lingvosciencistoj, la lingvo tiel malproksimiĝis de la Aba dialekto, ke oni povas kun rajto diri, ke multaj aliaj dialektoj estas pli proksimaj al la nuna literatura lingvo ol la dialekto de Åbo. Alia bona ekzemplo estas la norvega „popola lingvo", la tiel nomata „folkmaal". En ŝtata kuneco kun Danlando oni komencis ĝenerale uzi en Norvegio anstataŭ la malnova literatura lingvo norvega la danan lingvon, kiu ankaŭ disvastiĝis en buŝa uzado, nur kun norvega prononco. Post la disiĝo naskiĝis deziro krei al Norvegio propran literaturan lingvon laŭ la popolaj dialektoj. Kaj tio efektiviĝis, nova literatura lingvo estas kreita, sed literatura lingvo, kiu ne estas identa kun iu norvega popola dialekto. Kaj tiu nova literatura lingvo trovas pli kaj pli grandan disvastiĝon apud la dannorvega.

En ĉiu lingvo troviĝas momentoj dependantaj de la homa volo. Kaj ni povas diri: en certa senco lingvo ĉiam estas artefarita, utiligo de rimedoj donitaj de la naturo por atingo de difinita celo.

La problemo ne estas tiel formulota: ĉu natura ĉu artefarita lingvo sed jene: *ĉu lingvo historie transdonita de generacio al generacio, ĉu lingvo libere imitanta la historie evoluintajn?*

En multaj rilatoj estus sendube tre konvene, se oni povus senplue elekti kiel komunan helplingvon iun pretan produktaĵon, eĉ tian, kiu jam estas larĝe disvastigita.

Ni povas eĉ diri, ke estis jam tempo, kiam rimarkinda parto de la homaro jam havis tian komunan helplingvon. La mezepoka latino estis ĝenerale disvastigita kiel scienca lingvo, ĝi estis uzata kiel instrua lingvo en la universitatoj, per ĝi estis verkata la scienca literaturo en ĉiuj landoj, ĝi estis la lingvo de katolika eklezio, ĝi estis eĉ peranto de tiamaj politikaj kontaktoj — en la komercon kaj en la vastajn rondojn de popolo ĝi tamen ne disvastiĝis, se ni ne kunkalkulas tion, ke la vulgara latino fariĝis ĝenerala lingvo de komunikiĝado en la okcident-eŭropaj landoj, forpuŝis la lingvojn de la popolo kaj samtempe disiĝis en diversajn dialektojn, kiuj diferenciĝis el tiu formo de latino, kiu servis kiel internacia interkomprenilo.

Latino posedis la grandajn avantaĝojn de neŭtraleco, larĝa disvastiĝo kaj evoluo. El ĝi estus povinta disvolviĝi la dezirita

komunlingvo, se ĝi estus daŭre evoluinta libere — ŝajnas al mi tamen certa, ke ĉi tiu evoluo estus kondukinta al tia direkto, ke latino estus fariĝinta io alia, esence tia lingvo, kian oni celas per la nomo ‚artefarita‘. Diversaj malfacilaĵoj de latino estus forigitaj kaj nova lingva materialo laŭ bezono formita libere. „Inventus ab ego ipse“ skribis laŭ informo iu botanika verkisto sub kreskaĵo trovita de li — tio montras klare la vojon de la evoluo.

Latino perdis sian pozicion ne nur pro nacia vekiĝo, ĝian falon kaŭzis antaŭ ĉio — la zorgoj pri la sorto de latino mem. La humanistoj, kiuj altenlevis la klasikan antikvon, kiuj ree metis sur piedestalor la admirindan lingvoformon de la ora epoko, ili sufokis en sia admiranta ĉirkaŭpreno la latinon kiel mondlingvon, proklamante ke la lingvo de la ora epoko estis la sola korekta formo de latino. Kaj la latino de la ora epoko ne taŭgis kiel internacia helplingvo, per ĝi oni ne povis esprimi la objektojn de moderna kulturo laŭ la bezonoj de moderna tempo, ankaŭ ĝi ne havis eblecojn disvolviĝi antaŭen, kaj ĝi estis tro malfacila pro ellerno.

Kiam la demando pri internacia helplingvo nun, dum la scienca produktado disiĝas inter diversaj naciaj lingvoj kaj en la cetere granda lingva disfalo, ree sin prezentas por solvo, tiam nur malmultaj provas proparoli la latinon. Malmultaj parolas — kaj sen rimarkinda subteno — pro iu lingvo de malgranda nacio, ekzemple la norvega aŭ novgreka. Kompare malmultaj estas ankaŭ la subtenantoj de franca lingvo, kiu heredis la iaman rolon de latino kiel diplomata lingvo. Oni povas diri, ke la plej multaj el tiuj, kiuj supozas ke la problemo estas solvebla tiamaniere, ke iu el la modernaj lingvoj estas metata en tiun pozicion, estas pretaj voĉdoni por angla lingvo.

La angla lingvo havas en tiu rilato sendube multajn gravajn avantaĝojn. Antaŭ ĉio ĝia granda disvastiĝo; nome oni povas kalkuli, ke ĝi estas lingvo de ĉirkaŭ centkvindek milionoj da homoj; la grava signifo de la literaturo eldoni a en ĝi, kaj fine ĝia ĝenerale rekonata facileco, tio signifas, facileco lerni la anglan lingvon ĝis certa grado.

La nuntempa granda disvastiĝo de angla lingvo kaj ĝia grava signifo kiel kulturlingvo tamen ne devas senplue esti decidiga por la elekto de internacia lingvo. Kiam estas demando pri milionaroj kaj longa estonteco, oni devas memori, ke la plejmulto de la teraj loĝantoj — malproksime de tio! — ankoraŭ ne parolas angle, kaj ke la nuna stato de iu lingvo ne decidas pri la estonteco, kiel ajn grandan avantaĝon tio povas signifi. Kio aliparte koncernas la facilecon de la lingvo, ekzistas ankaŭ negativaj punktoj. Unue la elparolado de la angla lingvo prezentas diversajn malfacilaĵojn, kaj angla lingvo ankaŭ ne apartenas fonetike al tiuj sonoraj lingvoj, kiaj antaŭ ĉio estas la latinidaj lingvoj, kaj kiuj ĝuste pro tio estas taŭgaj por interkompreniĝo. Tre grandan malhelpon prezentas ankaŭ la kapr ca ortografio de la angla lingvo, spegulanta la antikvan prononcadon. Ĉi tiu estus ja korektebla, sed la praktika efektivigo verŝajne montriĝos malfacilega: la ortografio de la angla lingvo igas la skribitan lingvon efektive iaspeca ideografio simila al la ĉina, kiu ne estas sonskribado sed vortskribado. Kaj tiu skribmaniero formas parton el la disvastiĝo de la angla lingvo. Kaj fine la parolo pri la facileco de la angla lingvo estas, pli profunde studite, malĝusta: la vortaraj, sintaksaj, stilaj nuancoj kaj delikataĵoj estas ĉio alia krom facilaj.

Ni venas tiel al la punkto, kie oni demandos, ĉu la problemo entute estas solvebla tiamaniere, ke oni provas doni al iu nacia lingvo la rolon de lingvo internacia. Mi ne parolos pri tio, ke la elekto de iu nacia lingvo kiel internacia donas al tiu popolo privilegian pozicion, kiun ne volonte permesos la konkurantaj popoloj. En tio certe troviĝas vero: la sentoj antipatiaj povas facile vekiĝi kaj dubindiĝi la atingon de la celo, kaj tion oni devas provi eviti. La afero devas esti tute apartigata el demandoj pri potenco. Sed mi ne kredas ke la popolo, kies lingvon oni elektus, havus nuran utilon el tio. Vilh. Thomsen diris en s'a artikoleto „Videnskabens faellesprog“ — Komunlingvo de la scienco — sekve de tio, ke Paul Passy proponis la dannorvegan lingvon kiel internacian — ke la norvegoj kaj danoj elkore dankos pro la honoro, ke ili vidus la tutmondon parolaĉi kaj platigi ilian gepatran lingvon kaj tiel difekti ĝin por ili mem. Ni memoras, kiel la zorgoj de la renesancanoj pri la konserviĝo de latino kiel latino forprenis de ĝi la rolon de internacia lingvo. Povas esti, ke tiel potenca lingvo kiel la angla povus pli facile kontraŭstari eksteran disfalon, sed longe tio certe ne sukcesus ankaŭ al ĝi, se ĝi estus elektata kiel komuna helplingvo de tutmondo. Uzata de anoj de plej diversaj nacioj ĝi devus perdi tion, kio faras ĝin karakteriza al la nacioj de Granda Britio kaj de Usono, ĝi devus rifuzi la plej multajn el siaj propraj idiomismoj kaj transformiĝi por esprimi kvazaŭ skeme ĉion, kio estas bezona en la tutmonda komunikiĝo nun kaj estonte, ankaŭ fremduloj devus havi la rajton libere evoluigi ĝin por novaj bezonoj. Se internacia lingvo estas efektivigebla, oni ĉiam fine revenas al tio, ke ĝi devas fariĝi lingvo tia, kian oni volis nomi „artefarita“.

Se efektive la provo meti historie evoluintan lingvon en la rolon de lingvo internacia kondukas al tio, ke la lingvo estas daŭrige evoluigota „arte“, kia kaŭzo do ekzistas por uzi eĉ kiel fundamenton unu tian lingvon, kiu estas posedaĵo de difinita popolo, kiu per ĉiuj siaj historie naskiĝintaj propraĵoj ofte neklarigeblaj eĉ por specialisto — propraĵoj, kiuj al lernanto de la lingvo sin prezentas kiel egale multaj malfacilaĵoj — aludas al la vivo kaj pensmaniero de difinita popolo? Kial oni ne elirus de la komenco de tia fundamento, kie ne estas bezone ofendi la heredaĵn kutimiĝojn de iu popolo, malrespekti ies lingvan „orelon“, kaj kie la ŝancoj de evoluo per la propraj rimedoj de la helplingvo estas uzeblaj sen la limigoj de hereditaj kutimoj?

Ĉiu nacia lingvo do estu ŝparata de la kripliĝo, al kiu ĝi devus submetiĝi, se la tuta mondo, ankaŭ tiuj, kiuj malperfekte ĝin posedas, kies pensmaniero tute diferenciĝas de la pensmaniero de tiu popolo, kies popola la lingvo estas, kiuj eĉ ne havas okazon por lerni ĝian normalan elparolon, se ili ĉiuj, mi diras, uzadus ĝin por komuna interkompreniĝo. La naciaj lingvoj estu konservataj kiel sankta propraĵo de ĉiu nacio. La historio jarcenta kaj jarmila de tiuj, la kuneco inter ili kaj la historio de la nacio mem, ĝiaj moroj, institucioj kaj psiko igas la plenan ellernon de ili malfacila por ĉiuj krom kelkaj soluloj, kaj aparte malfacila al tiuj, kiuj ne konatiĝis kun ili de sia infaneco. Ili konvenas plej bone kiel rimedoj lingva arto en poezio kaj sur scenejo. Ilia lernado kaj esplorado estas necesa al ĉiu, kiu volas konatiĝi kun la psika vivo kaj historio de koncerna popolo. Kiel internacian helplingvon oni kontraŭe elektu tian lingvon, imitantan libere la „naturajn“ lingvojn, kiu ne estas tiel proksima al iu nacia lingvo, ke ĝi povus ĝin difekti.

Per tio mi ne volas diri, ke tiel konstruita internacia helplingvo ne povus en la manoj de lerta inspirita lingva artisto fariĝi rimedo por esprimi la internan forton de beleco de la homa penso en formo de lingva beleco kaj tiel vibrigi la internajn kordojn de homa koro. Sed tio estas esence ekster la ĉefa celo de internacia helplingvo: ĝi estas io, kio povas rezulti aŭtomate, kiam la premisoj ekzistas.

* * *

La Ĝenerala Sekretario komunikas saluttelegramojn, inter ili de Generalo Sebert, honora prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, de la gefiloj de nia majstro, de la ambasadoro de Estonio S-ro Akel (en esperanto) kaj de samideanoj de Nova Gvineo. La prezidanto proponas kaj la kongreso aprobas la sendon de telegramoj al S-ro prezidanto de la finna respubliko, al S-ro Ramstedt, finna sendito en Tokio, pioniro de Esperanto en sia lando, al Generalo Sebert, al la Ligo de Nacioj kaj al la Internacia Labor-Oficejo en Genève.

Kun streĉa atento kaj ekstrema silento la ĉeestintaj aŭdis „Festan runon“ verkitan de nia eminenta poeto D-ro Kalocsay laŭ antikvaj motivoj. Entuziasma aplaŭdo dankis la verkinton.

* * *

## Kongresa runo

de D-ro *K. Kalocsay.*

*Vokas voĉ' de Veinemöinen[1]),*
*Vibras vok' en vaga vento*
*Kaj ĝin muĝas malproksimaj*
*Montoj, maroj murmurantaj.*

*La potenca praa patro*
*De la kantoj karesantaj,*
*La bravulo kun la brila*
*Balaanta blanka barbo*
*Kaj ĉe l' koro kun kantele[2])*
*Kies kordoj sorĉe sonas,*
*Ravon semas en la sinoj:*
*Veinemöinen vekiĝinta*
*Vigle, veke, varbe vokas,*
*Logas li al land' de l' lagoj*
*Kun la filoj festi frate.*

*Vibras voĉ' en vaga vento:*
*„Sonĝis mi en sankta sino*
*De Suomi[3]) kaj ripozis*
*En la revoj, rememoroj*
*De la idoj inspiritaj.*
*Sed min vekis vok' de l' tempo.*
*Min el muska tero tiris*
*Sorĉaj sonoj sonorantaj.*

*Miri venis mi miraklon:*
*Patrolingvon de la Mondo:*
*Lingvon, kiu liutsone,*
*Lule ludas sur la lipoj,*
*Flate, flustre, flirte flugas,*
*Dolĉon donas dorlotante,*
*Muĝas, kiel mar' majesta,*
*Kun titana tono tondras:*
*Ideala inda ilo,*
*Instrumento konkuranta*
*Kun la kordoj de kantele.*

*Miri venis mi miraklon,*
*Fablan forton fepotencan,*
*Kiu tegas tutan teron*
*Kaj por arda amo armas.*
*El la disaj, dividitaj*
*Gentaj grupoj glore formas,*
*Fandas fratan familion,*
*Ravan rondon sub radioj*
*De l' eterna esperstelo.*
*Ege eĥu elementoj,*
*Resonadu regionoj*
*Vekan, varban, vokan voĉon*
*De la nobla nova sento!*

*Helpi venis mi heroojn,*
*Helpi homojn hederindajn*
*En la brava batalado*
*Por la bono, por la beno*
*De la mondo baraktanta.*
*Kantu, kordoj de kantele*
*Ilin inde invitante*
*Al la kampoj kalevidaj.[4])*

*Am-armeo! Amasiĝu!*
*Armu vin per arda amo!*
*Festu frate kun la filoj*
*Kaj sen laco laboradu!*
*Luktu firme, forte, fajre*
*Kaj sufoke kaptu kole*
*Tiun urson ulnoungan,*
*La militon malicegan*
*Monstron de la Mortolando:*
*Kreu kuna konstruado*
*Novan, sanktan, savan Sampon[1])*
*Mir-miraklan muelilon*
*Por mueli la malamon*
*Mondon monstre mordadantan.*
*Fine idoj inspiritaj,*
*Kiel iam Ilmarinen[2]),*
*Forĝu firman firmamenton*
*Kun ĉielaj ĉiuj ĉarmoj*
*Dian pompan mondpalacon:*
*Pian pacon paradizan*
*Kun la dolĉaj didonacoj*
*De la fabla feliĉego."*

*Al la land de l' mil' da lagoj,*
*Muskaj montoj murmurantaj*
*Vetflugante kun la vento*
*Vokis voĉ' de Veinemöinen.*

* * *

[1]) *Veinemöinen:* ĉefheroo de la Kalevala, la „eterna kantisto", forĝinto de l' liuto.
[2]) *Kantele:* muzikinstrumento, kiun Veinemöinen kreis.
[3]) *Suomi:* Finnlando.
[4]) *Kaleva, Kalev:* praavo de l' finnaj herooj.

[1]) *Sampo:* la mirakla muelilo, kiu donas abundecon kaj feliĉon, kaj kies akiron rakontas la Kalevala.
[2]) *Ilmarinen:* frato de *Veinemöinen,* forĝinto de l'ĉielarkaĵo.

La prezidanto dankante lin diras, ke oni ne plu povas aserti ke Esperanto ne taŭgas por poezio.

Poste venas festa parolado de D-ro Privat. Li unue rimarkigas, ke Finnlando estas la unua regno kie nia movado renkontis oficialan atenton de la parlamento. Li respondas la diversajn kritikojn pri la neparolebleco de nia lingvo kaj pri la kredoj ke nia movado celas la detruon de la naciaj kulturoj. Li difinas la esperantan kulturon bazitan sur la respekto kaj amo de la diversaj nacioj kaj kulturoj, sur la reciproka interhoma fratiĝo kaj li konkludas, ke eĉ ofero de vivo por nia celo estas ne tro multa.

Post vigla aplaŭdo, la prezidanto dankas nian elokventan oratoron kaj komunikas la jenan liston de oficialaj delegitoj:

Por:

*Internacia Labora Oficejo* (Genève) S-ro Tarelli.

*Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco:* (Genève): S-ro Rudolf Horner.

*Unuiĝo de Internaciaj Asocioj* (Bruxelles): S-ro Hendrickx.

*Ministro de publika Instruado de Bulgarujo:* S-ro Krum Mlaĝov.

*Ministro de publika Instruado de Ĉeĥoslovakio:* S-ro profesoro Stejskal.

*Ministro de klerigado de Estonio: S-ro V. Vaher.*

*Ministro de internaj aferoj de Germanujo:* S-ro profesoro D-ro Dietterle.

*Ministro de publika Instruado de Litovio:* S-ro L. Alseika.

*Ministro de publika Instruado de Hispanujo:* S-ro Felix Diez.

*Ministro de publika Insturado de Nederlando:* S-ro Isbrücker.

*Ĉefa Inspekcio fervoja de Ruslando*: S-ro Valentinov.

*Registaro de Urugvajo:* S-ro Enrique Legrand.

*Urbo Milano* (Urbestro Dro Filipetti) S-ro I. Piatti.

Post la salutaj paroloj de supraj reprezentantoj de organizaĵoj la Ĝenerala Sekretario komunikas la liston de la elektitaj naciaj Delegitoj.

*Aŭstrio:* S-ro Dro Heinz Fiby.
*Aŭstralazio:* S-ro George Gordon.
*Belgujo:* S-ro Jan Jacobs.
*Britujo:* S-ro H. Moy Thomas
skota lingvo: F-ino Jane Baird
kimra lingvo: S-ro Jack Edwards
*Bulgarujo:* S-ro Krum Mlaĝov.

*Ĉeĥoslovakio:* F-ino Božena Vlčkova. Germana lingvo: S-ro Gust. Scholze. Slovaka lingvo: S-ro Eduard Gazdik. Hungara lingvo: S-ro Barono Pál.

*Danlando:* S-ro Martin Blicher.

*Estonio:* S-ro V. Vahere, F-ino H. Drezen.

*Finnlando:* Finna lingvo: S-ro V. Setälä. Sveda lingvo: S-ro Monsen.

*Francujo:* S-ro Vanverts.

*Alĝerio:* S-ino Figuières.

*Germanujo:* Gvidanto de Esperanta Fako de la Foiro de Frankfurt a. M. S-ro Kreuz kaj S-ro Ranft.

*Hispanujo:* S-ro Felix Diez.

*Hebreoj:* F-ino Fridová Elsa.

*Hungarujo:* S-ro Paŭlo Balkányi.

*Italujo:* S-ro G. Saggiori.

*Japanujo:* S-ro Narita.

*Jugoslavio:* S-ro K. Klajić. Kroata lingvo: S-ro D-ro Maruzzi.

*Latvujo:* S-ro K. Strazde.

*Nederlando:* S-ino Isbrücker.

*Norvegujo:* S-ro Honoratus Bonnevie.

*Polujo:* D-ro Emil Loth (S. Essigmann).

*Rusujo:* S-ro Mikael Valentinov (Nikolao Modenov).

*Svedujo:* S-ro P. Nylen.

*Svisujo:* S-ro José Maria Arago.

*Ukrajno:* S-ro Jurij Soltykevyĉ.

*Urugvajo:* S-ro Enrique Legrand.

*Usono:* S-ro John Pellet.

Post la salutparoloj de tiuj naciaj Delegitoj kaj aŭdado de marŝo la Prezidanto fermis la kunsidon je la 15a horo.

* * *

## Salutparolo

de S-ro *Enrique Legrand.* (Montevideo).

Trans larĝa l'Oceano,
El la land' urugvaja,
Por esti Kongresano,
Mi venis tute gaja.

Al la familianoj
Ne turnis mi la dorson:
Hep, hep, edzin', infanoj!
Nun rekte Helsingforson!

Semajnojn tri sur maro
Ne estas vojaĝeto;
Sed al urb' de l'frataro
Altiris min magneto.

Al vi mi faros preĝon;
Pri mia vera aĝo,
Rigardu nek la neĝon,
Nek sulkojn sur vizaĝo;

Mi juna, malmultjara ...
Vi ridas, vi protestas,
Sed, vidu, la dek-kvara
Por mi la dua estas.

En mil naŭ-cent dek-naŭa
Komencas la kalkulo —
For restas temp' antaŭa:
Mi estas, do, junulo!

Ĉar al Esperantismo,
En ver', por mi l'aliĝo
Salt' estis trans abismo,
Al dua viv' naskiĝo! ...

Do, en la jar' dirita,
Amik' al mi tre bona
Parolis — hor' benita!
Pri lingvo la belsona;

Pri belaj du principoj
Instruis min la horo: —
De lingvo, por la lipoj,
De amo, por la koro!

Benita la simplega,
Unua gramatiko!
Benita — la grandega
Boneco de l'amiko.

Benita — lumo hela
Kaj varma sur l'animo!
Benita — lingvo bela
De la fratec' esprimo!

Kaj vi — la fratiganto —
Interna, vi, l'Ideo,
Ligilo trans l'Atlanto:
Helsink' — Montevideo!

Eterna ben' kaj gloro
Al vi — ho Majstro nia,
Vivanta ĉe la koro
De l'rondo familia!

Sub lum' de verda stelo
Klopodas via rondo
Al alta nobla celo:
Frateco tra la mondo!

Al nura lingvafero
Jam, post labor' fervora,
Ridetas la prospero ...
— Spirito, vi, tutglora.

De l'Majstro, de l'Kreinto
Ha! gv du l'vojirantan
Tra ombra labirinto,
La pacobatalantan
Armeon Esperantan!

## Unua Labora Kunsido

(Ĵaude 10 Aŭgusto)

La Kunsido komenciĝas je la 9a horo, en la Nobelara domo, sub la prezido de S-ro von Frenckell.

La prezidanto, malfermante la kunsidon, atentigas la ĉeestantaron pri la fakto, ke ĝi okazas en historia loko, kie troviĝas la blazonoj de la nobelaj familioj de Finnlando.

La Ĝenerala Sekretario legas la protokolon de la Malferma Solena Kunsido, kiu estas akceptata.

S-ro Atanasov salutas la Kongreson en la nomo de la Bulgaraj Kongresanoj, kaj F-ino Elsa Fridova, en la nomo de la hebrelingvaj Esperantistoj.

La Ĝenerala Sekretario komunikas la laste ricevitajn saluttelegramojn.

S-ro Berg, blinda samideano salutas la kongreson kaj invitas partopreni la kunvenon de la blinduloj.

F-ino Varma Jarvenpää, blinda esperantistino, deklamas kortuŝan salutpoezion, kiun ŝi verkis je la honoro de la Kongreso.

* * *

## Bonvenon, Gefratoj!

Bonvenon, gastoj, ho ĉiuj ĉi,
Vi atenditaj gefratoj!
Salutas kore, varmege mi.
Bonvenon, ho geamatoj!
Kaj jena mia deziro estu:
ke plej korege Vi ĝuu, festu
kaj postmemoro ĝi dolĉa restu.

Kongresan tempon ni uzu ĝin
por diligenta laboro,
en ĝi sukceso nur helpos nin,
nelacigebla fervoro.
Ho, sankta estas ja nia celo.
Leviĝu preĝo do al ĉielo,
nin benu Dio sub verda stelo.

Sonoras kanto en mia kor'
por ĝojo granda, feliĉa,
funebronuboj peliĝis for,
somero faris min riĉa.
Ho gekaruloj, vi povis veni.
Vin dolĉe volis mi ĉirkaŭpreni
kaj kore ĉiujn Vin danki, beni.

Ke Vi, gefratoj, ĉirkaŭas min
apenaŭ kredi mi povas;
sed la feliĉo, ho tamen ĝin
en efektivo mi trovas.
Dum lasta vintro kaj en sufero
mi revis en la kongresespero
kaj atendadis je la somero.

Kaj la someron mi havas nun
en koro, en la naturo,
pri ĝi rakontas brilanta sun'
kaj gaja ventomurmuro.
La koro estas en harmonio,
ĝi ĝojon sentas pro ĉio, ĉio,
kaj kantas laŭdon al sia Dio.

Mi sentas kiel la pacanĝel'
la rondon nian benanta
migradas milde sub verda stel'
kaj sub standardo flagranta.
Je lia veno foriĝis timo
el brusto mia, el la animo.
Kuraĝon sentas la kor' sen limo.

Sub verda stelo ja ĉiuj ni
pli bone venkos la sorton.
Ni vidas lumon kaj tiu-ĉi
por viv' kreskigas la forton;
en ve da brilo ni noktinfanoj
batalas kune la man' en manoj
kaj nin ne venkos la uraganoj.

Akceptu mian saluton Vi,
ho, sopiritaj gefratoj!
Feliĉe, ĝoje ekkrias mi
bonvenon, ho geamatoj!
Ne Finnoj havas juvelojn, orojn,
al Vi ne donos ni ortrezorojn,
sed simplajn, varmajn koramoflorojn.

*Varma Järvenpää,*
(blinda esperantistino).

* * *

S-ro Hendricx atentigas pri la blindula movado kaj alvokas la helpon de ĉiuj samideanoj por ĝin subteni kaj por helpadi „Esperantan Ligilon".

La raporto de la prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio estas prezentata al la Kongreso kaj aprobita, sen diskuto.

S-ro J. M. Warden prezentas la raporton de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Tiu raporto estas ankaŭ akceptita sen diskuto.

S-ro Isbrücker, kiu anstataŭas la prezidanton de la Komisiono pri ĝenerala organizo, S-ron Page, prezentas raporton pri la laboroj de tiu Komisiono. Li sciigas ke post diversspecaj malhelpoj, interkonsento okazis inter la du flankoj de nia movado, t. e. Centra Oficejo kaj UEA Sekve, la tuta Komisiono akceptis tiun interkonsenton.

D-ro Privat donas skizon de tiu interkonsento. Laŭ ĝi, la Esperantistoj estas konsiderataj laŭ du manieroj: kiel anoj de Naciaj regionaj kaj lokaj Societoj kaj grupoj, kiuj zorgas pri propagando en siaj landoj, kaj laŭ individuoj kiuj grupiĝas internacie por la ĝenerala uzado de la lingvo. Laŭ la unua maniero, ili grupiĝos en Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj, kun sidejo en Parizo kaj laŭ la dua maniero, ili grupiĝos en UEA. Tiuj du organismoj interkonsentos por elekti Centran Esperanto-Komitaton, kiu zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la tuta movado. Tiu Komitato ne konsistos el tri anoj de la Reprezentantaro kaj el tri anoj de UEA, sed el ses anoj kiuj reprezentos ambaŭ organizaĵojn. Tiu Centra Komitato de egos Komisionon por organizi la Kongresojn kaj ĝi povos organizi ankaŭ teknikajn internaciajn Konferencojn. La Lingva Komitato restas sendependa. La Esperantistoj grupiĝas ankaŭ en Fakaj Societoj kiuj havas kunsidojn dum la Kongresoj, prezentas kandidatojn al la Lingva Komitato kaj povas kunlabori pri la organizo de la teknikaj Konferencoj.

Fine, D-ro Privat legas la tekston de la interkonsento kaj sciigas ke ĝi povos esti morgaŭ disdonata al la interesatoj.

* * *

# Oficiala Esperantista Organizo

La Kongreso rekomendas ke, por koncentrigi la fortojn de la Esperantistaro, kaj trovi monrimedojn por subteni la ĝeneralan movadon, la *Oficiala Esperantista Organizo* estu jena:

I.

1. La *Naciaj Societoj* elektu *Konstantan Reprezentantaron* de la Naciaj Societoj (K. R.), konsistantan el unu reprezentanto de ĉiu nacia societo, kun nombro da voĉoj proporcia je la nombro de anoj, por kiu ĝi pagis kotizon al la kaso de la K. R. Tiu Reprezentantaro starigos sian internan regularon. Ĝi povos havi Prezidanton kaj Ĝeneralan Sekretarion elektitajn ekstere de la Reprezentantaro. Ĝi zorgos pri la reciproka informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia monsubteno al la komunaj Institucioj de la Esperantistaro.

2. La individuaj Esperantistoj grupiĝu internacie per aliĝo al *Universala Esperanto-Asocio*, kiu disvastigas la ĝeneralan uzadon de la lingvo.

3. La Fakaj (teknikaj kaj profesiaj) Societoj grupigu la Esperantistojn por propagando kaj uzado en specialaj rondoj.

II.

La *Konstanta Reprezentantaro* de la *Naciaj Societoj* kaj *Universala Esperanto-Asocio* interkonsentos pri la elekto de *Centra Esperanto-Komitato* kiu konsistos el ses anoj, oficantaj dum tri jaroj kaj reelektotaj po du ĉiujare.

Tiu *Centra Esperanto-Komitato* zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la movado. Ĝi starigas Centran Kason kaj por tio enspezas donacojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de *Naciaj Societoj* pere de la Reprezentantaro kaj subvencion de U. E. A.

III.

La *Lingva Komitato* estas sendependa, sed la *Naciaj Societoj*, U. E. A. kâj la *Fakaj Societoj* povas prezenti kandidatojn al ĝi.

IV.

La *Centra Esperanto-Komitato* decidas pri la okazigo de la Universalaj Kongresoj kaj komisias ilian organizon al *Konstanta Kongresa Komisiono* kiu enhavos 2 reprezentantojn de la *Centra Komitato*, du anojn de la loka komitato de la estinta kongreso, du anojn de la loka komitato de la estonta kongreso, kaj du kuratorojn de la kongresa kaso.

La Universalaj Kongresoj konsistas el
solena malferma kunsido,
laboraj kunsidoj en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;
fakaj kunsidoj;
kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte aŭ kune.

La Institucioj nomataj „oficialaj" estas:
la Lingva Komitato (L. K.) kaj ĝia Akademio
la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.)
la Universala Esperanto-Asocio U. E. A. kun sia Komitato
la Centra Esperanto-Komitato (C. K.) kun sia Konstanta Kongresa Komisiono.

V.

Krom la Universalaj Kongresoj povos okazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la *Centra Komitato*, kiu tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

VI.

La oficialaj komunikoj de la oficialaj Institucioj estas publikigataj pere de Esperantistaj gazetoj.

La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigataj per zorgo de la Centra Komitato en *Oficiala Dokumentaro* laŭ siaj nunaj formatoj.

* * *

S-ro Chavet, kiu reprezentas la Centran Oficejon en la Komisiono klarigas kiamaniere la interkonsento efektiviĝis dum longa interparolado inter D-ro Privat kaj li. Ĉar S-ro Page skribis al li, ke tiu senpera akordiĝo inter la du flankoj estus la plej bona vojo por solvi la demandon, li esperis prave ke tiu interkonsento ricevus la aprobon de la tuta Komisiono, kaj tio okazis post longa kaj detala esplorado. Li nun esperas kaj forte deziras, ke la Kongreso ankaŭ akceptu tiun planon de organizo. Eble kelkaj pensos ke ĝi ne estas tiel perfekta kiel la projekto de „Universala Ligo", tiel bone verkita de S-ro Page. Sed nek la Centra Oficejo, nek UEA akceptis tiun projekton, kiu ŝajnis al ili ambaŭ ne realigebla en la nunaj cirkonstancoj. Tamen, la laboro de S-ro Page estis tre utila bazo por la atingo de la fina interkonsento kaj S-ro Page meritas dankojn de ĉiuj por

sia granda bona laboro. Li finas, esprimante sian fortan konvinkon, ke la nuna interkonsento povas bone funkcii kaj esti fruktodona.

S-ro Ĉernohvostov esprimas sian ĝojon pri la interkonsento, kiun li aprobas. Li proponas ke oni elektu komisionon por verki modelan planon de Regularo por la Naciaj Societoj kaj Lokaj Grupoj.

S-ro Narita ankaŭ esprimas sian aprobon de la interkonsento kaj sian dankon al la Komisiono por la farita laboro.

S-ro Felikso Diez akceptas la interkonsenton kaj proponas ke la Regularo atentu kaj respektu la naciajn apartajojn. Li donas skizon pri la rolo de sia loka grupo kaj pri ĝia modela organizo.

S-ro Paul Nylen, je la nomo de la Sveda Federacio, aprobas la interkonsenton kaj dankas ĝiajn verkintojn.

D-ro Arnhold, ano de la Komisiono, diras, ke, malgraŭ komenca seniluziiĝo, li tamen devis konstati ke la maksimumo estas atingata, kaj li aprobis la projekton. Li atentigas pri la danĝero de simpla aprobo per momenta entuziasmo, kaj proponas ke oni bone esploru la aferon precipe laŭ la financa vidpunkto. Li esperas, ke la nuna malbona situacio rilata al la financa subteno de la oficialaj institucioj pliboniĝos. Li proponas ke la definitiva voĉdono de la Kongreso pri la projekto okazu nur morgaŭ, kiam ĉiuj povos havi la tekston en mano, kaj li proponas kunvenon de reprezentantoj de la Naciaj Societoj, por neoficiale priparoli la aferon.

Tiuj proponoj estas aprobitaj, kaj la kunveno estas fiksita je lundo matene, antaŭ la labora kunsido.



S-ino ESTER STÅHLBERG
edzino de l'prezidanto



S-ro KAARLO JUHO STÅHLBERG
prezidanto de la Finnlanda Respubliko

S-ro Merchant, prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio ĝojas pri la interkonsento kaj aprobas ĝin.

S-ro Sakaria parolas pri la maniero difini kio estas Nacia Societo kaj interkonsentas, ke sub tiu nomo oni parolas pri tutnaciaj Societoj.

S-ro Ĉernohvostov parolas pri la maniero difini la Naciajn Societojn.

Eniras en la salono S-ro Kolonelo Aejmelaeus-Aimä, adjutanto de la Prezidanto de la Finna Respubliko. S-ro von Frenckell, salutas lin je la nomo de la Kongreso, kaj petas lin transdoni al Sinjoro Prezidanto de la Respubliko la dankojn de la Kongreso por la signo de intereso, kiun li donas al nia afero.

D-ro Privat klarigas la rolon de la Naciaj Societoj kaj li diras ke kiam ekzistos en unu lando du naciaj Societoj la Centra Esperanto-Komitato decidos arbitre pri la afero kaj povos akcepti ambaŭ en la Reprezentantaro. Pri la financa demando, li klarigas, responde al D-ro Arnhold, ke ekzistos almenaŭ tri kasoj: la kaso de la Konstanta Reprezentantaro, la kaso de UEA, kiuj ambaŭ donos monon al la tria, la kaso de la Centra Komitato.



ALBIN SANDSTRÖM
prez. de Loka Kongresa Komitato



KARL VON FRENCKELL
prez. de la Dekkvara



VILHO SETÄLÄ
ĝen. sekretario de la L. K. K.

S-ro Bano Miklos (blinda hungaro) opinias, ke la Fakaj Societoj ne rajtas enmiksiĝi en la aferoj de Naciaj Societoj kaj UEA, ĉar ili estas apartaj kolonoj de nia movado.

S-ro Salo Kornfeld transdonas la saluton de la Pola Libera Skoltismo kaj ĝojas pri la interkonsento. Li atentigas pri la okazontaj fakaj kunsidoj dum tiu ĉi Kongreso.

D-ro Privat proponas ke oni voĉdonu dankan rezolucion al S-ro Page por lia valora laboro, kaj al Generalo Sebert

kaj al S-ro Stettler. Li priskribas la belan vivon de Generalo Sebert, plej maljuna kaj plej juna samideano, kiu ĉiam pensas pri nia afero kaj ne malesperas malgraŭ ĉiuj oftaj malfacilaĵoj. Li diras, ke S-ro Stettler estas plej kompetenta kaj laborema prezidanto por UEA kaj li esperas, ke baldaŭa resaniĝo ebligos al li labori denove kun sia tuta kutima energio por nia afero.

La Kongreso unuanime akceptas la jenan tekstojn de la proponitaj rezolucioj:

La Kongreso esprimas al S-ro Page, prezidanto de la Komisiono por ĝenerala organizo profundan dankon por lia granda laboro, kiu estis utila bazo por la starigo de la fina interkonsento.

La Kongreso esprimas al Sinjoro Generalo Sebert sian sinceran dankon por lia konstanta kaj persista laboro por nia afero.

La Kongreso sendas al S-ro Stettler, prezidanto de UEA, plej koran saluton kaj deziron de resaniĝo, esperante ke li baldaŭ reprenos sian utilan laboron en la internacia organizo.

S-ro J. M. Warden esprimas siajn dankojn al S-ro Page, kiun li vidis labori dum unu jaro en Edinburgh pri la organiza demando kaj li diras ke estas dank'al tiu senlaca laboro, ke la nuna rezulto estas atingita.

La Prezidanto proponas kaj la Kongreso unuanime akceptas danki la Direktanton de la miksita ĥoro „Suomen Laulu" S-ro Heikki Klemetti kaj ĉiujn anojn de tiu ĥoro por la bela koncerto kiun ili donis hieraŭ al la kongresanoj.

La kunsido estas fermita je la 12-a horo.

* * *

## UEA kunsido (Nobelara domo)

(Jaŭde la 10 aŭgusto 1922.)

Malfermo 15 1/4 h.

Sur la estrado: D-ro Edm. Privat, Prezidanto.
S-ro K. v. Frenckell, S-ro J. M. Warden, vicprezidantoj.
S-ino Blicher, S-ro Vilho Setälä komitatanoj.
S-ro H. Jakob, ĝenerala sekretario de UEA.
S-ro Rob. Kreuz, ĉefdel. protokolanto.

*Tagordo.*

1. Raporto pri la administra kaj financa agado dum 1921.
2. Proponoj.
3. Nomigo kiel Honora Membro de s-ro Szabuniewicz.

D-ro Edm. Privat malfermas la VII. Kongreson de UEA akcentante la specialan signifon kiun havas tiu-ĉi kongreso, estante la lasta aparta kongreso de nia organizaĵo. Li bonvenigas S-ron K. v. Frenckell Prezidanton de la XIVa kongreso pro lia ĉeesto. S-ro Privat legas la tagordon kaj transdonas la parolon al S-ro H. Jakob por koncize raporti pri la agado dum la pasinta jaro, kiel estas kutimo en nia kongreso. La raporto troviĝas en la kongresa libro. S-ro Jakob parolas pri la diversaj detaloj.

*Membroj.*

Petis la parolon S-ro Kamper (Nieuwe Niedorp) demandante pri la maniero de aliĝo de societoj aŭ grupoj.

S-ro Jakob atentigas, ke UEA kalkulas nur individuajn membrojn, kiuj aliĝu per la delegitoj de siaj lokoj. Li rimarkas, ke pro la alteco de la kotizo por membro-abonanto pliaj personoj en sama loko interkonsentu tiel, ke proporcia nombro aliĝu individue kiel simplaj membroj kaj alia kiel membro-abonantoj.

D-ro Privat rimarkigas, ke la kotizo de UEA ne estas tiom alta, kiel ŝajnas al certaj el niaj samideanoj. Li trovas, ke ĝenerale oni facile elspezas la monon por kelkafoje ne gravaj aferoj; ŝparante iom ĉe tabako, partoprenoj al festoj aŭ ĉe aliaj elspezoj la kotizo tre facile estus pagebla.

S-ro E. Gazdik (Spišské Podhradie, Ĉeĥoslovakio), opinias, ke la kotizo fiksita por Ĉeĥoslovakio kun 65 kronoj estas tro alta kaj multaj hezitas aliĝi.

S-ro Jakob respondante klarigas, ke tiu-ĉi sumo estas la minimumo, kiun UEA devas ricevi. Ĝi prezentas la nuran koston de gazeto kaj jarlibro, sen aldono por administrado kaj ĝenerala bezono. Li rimarkas plie, ke por la venonta jaro ia plibonigo estas atendebla. Pri ĝi informos la Oficiala Bulteno, elironta dum novembro kiel kutime.

D-ro Privat konsentas kun tio, ke la minimumo, kiun UEA devas postuli ja ne kovras la kostojn de ĉio, kion ricevas la membroj.

S-ro Gazdik kredas, ke la gazeto povus esti presata pli malkare.

Al tio S-ro Jakob respondas ke proporcie kun la plimultiĝo de abonantoj malaltiĝas la kosto de l'presado. Gazeto kun 20 mil abonantoj ne povas esti komparata kun la organo de UEA, kiu nur estas eldonata je 6500 ekzempleroj.

S-ro Scholze (Reichenberg) plendas, ke la Centra Oficejo de UEA uzas alilingvajn nomojn de lokoj en plurlingvaj landoj. Li citas diversajn urbojn en la jarlibro kaj petas, ke UEA uzu nur la nomojn tiel, kiel ilin indikas la delegitoj.

S-ro Jakob klarigas la aferon jene: a) Personaj nomoj, kaj antaŭnomoj estu skribitaj en nacia lingvo, aldono de traduko de antaŭnomo estas aprobinda. La Centra Oficejo notas tiajn inter krampoj por faciligi la komprenon al la oficistoj. b) Pri nomoj de lokoj pruvas la jarlibro de 1922, ke la plendinto eraras. Li petas, ke oni citu nur pruveblajn faktojn, sendante ilin rekte al la C. O., kiu zorgas konstante pri respekto de la principoj de UEA.

D-ro Privat klarigas la specialan situacion de nuna Eŭropo, precipe de la novaj ŝtatoj kaj insistas, ke oni ne miksu nian aferon kun iu politika tendenco.

Parolas pri tiu punkto ankoraŭ S-oj Sakaria (Tallinn) Jakob kaj Scholze, interkonsentante pri la procedo ĝis nun aplikata.

*Gazeto.*

Pri tiu ĉi punkto parolas la gvidanto de la gazeto „Esperanto" D-ro Privat, demandante, ĉu la enhavo de la gazeto trovas la aprobon de la ĉeestantoj kaj petas pri sugestoj kaj eventuale proponoj de pliriĉigo.

Petas la parolon S-ro Horner (Genève), proponante eldonon de propaganda gazeto en formo de kronika resumo, el kiu la propagandistoj povus ĉerpi la plej necesan por publika propagando. Ne ĉiu povus sub nunaj cirkonstancoj trovi tiom da tempo por ekstrakti la plej gravan el ampleksa gazeto.

S-ro Setälä insistas je la konservo de ampleksa gazeto, kiu pli impresas al la publiko ol la multaj malgrandaj eldonaĵoj, ofte malregule aperantaj. Aludas al aliaj paroloj pri tiu temo jam en la kongreso de Praha.

D-ro Privat informas, ke ĝenerale la redakcio akceptas ĉiun informon, interesan al la ĝenerala publiko. Pro la fakto, ke tro multaj alvokoj kun pli-malpli simila karaktero estas sendataj al la redakcio, tiu-ĉi devas nepre limigi la akcepton por ne tedi la legantaron. La redakcio principe enpresas komunikojn de ĝenerala intereso, kondiĉe, ke ili neniel ofendu per esprimo aŭ tendeco. Li difinas la neŭtralecon de nia gazeto per kelkaj ekzemploj. Rilate al anoncoj ekestiĝas vigla disputo pro la neakcepto de certaj anoncoj, ĉefe de tiaj pri alkoholaĵoj.

D-ro Privat klarigas la sintenadon de nia organo atentigante, ke krom tradicia kutimo devenanta de interkon-

sento de S-roj Hodler kaj Stettler, ekzistas pluraj kaŭzoj por rifuzo.

Petas la parolon S-ro Poncet (Lyon). Li opinias ke anoncado de alkoholaĵoj neniel tuŝas la neŭtralecon de UEA, rakontas pri la malfacilaĵoj, kiujn okaze de mendoj li havas por klarigi tiun strangan sintenadon. Li demandas, ĉu la komitato de UEA povos decidi laŭ deziresprimo de la kongreso, celanta modifon de tiu-ĉi procedo.

Post diversaj klarigoj de S-roj Kamper, Setälä, Poncet, Isbrücker, Diez (Bilbao) kaj Soltykevyĉ (Kiev) la kongreso esprimas la deziron, ke la komitato de UEA ekzamenu la aferon kaj informu laŭkutime.

S-ro Narita (Japanio) esprimas la deziron, ke la gazeto enhavu pli multan beletristikan literaturon. Nia lingvo bone taŭgas peradi al alilingvanoj la literaturajn juvelojn de ĉiuj popoloj.

D-ro Privat respondas al tiu propono, ke oni ĝis nun dediĉis 4-6 paĝojn al literaturo. Kredeble ne restas pli da spaco, ĉar aliaj fakoj pretendas atenton. Petas pri respondo, ĉu la literatura parto estu pligrandigota.

S-ro Kreuz (Frankfurt a. M.) aludante al la nuna stato de nia movado rekomendas, ke oni atentu la *praktikan* literaturon kaj akcelu la enpreson de *popularsciencaj novaĵoj*. Literaturemuloj aĉetu la verkojn, eldonitajn de la Esperanto-Libristoj, tiamaniere dankante la akcelon de la movado per ili. Gazeto kontentigu la dezirojn de ĉiuj kaj ne fariĝu tro unuflanka.

S-ro Soltykevyĉ proponas, ke oni klopodu ricevi multajn anoncojn por ke la kosto de eldono estu per ili malgrandigita. Tio ebligus pligrandigon de la gazeto.

S-ro Jakob rekonante la avantaĝon de tia procedo tamen atentigas pri la fakto, ke komercistoj ne ankoraŭ povas havi gravan utilon de esperanto-anoncoj. Komercistoj kompreneble preferus la taggazetojn, per kiuj ili rekte trafus la publikon.

Dro Privat aldonas, ke oni atentos la diversajn dezirojn ĉe taŭga okazo.



S-ro TARELLI
oficiala reprezentanto de Internacia Labora Oficejo

*Delegitoj.*

La Ĝenerala Sekretario raportante dankas al ĉiuj delegitoj. Akcentas, ke speciale la sistemo de teritorioj taŭgos fortigi la asocion kaj malŝarĝi la Centran Oficejon. Bedaŭrinde ekzistas malfacilaĵoj varbi ekstereŭropajn delegitojn. La kaŭzo estas, ke tiaj delegitoj tuj post la nomigo estas superŝutataj de petoj pri sendo de poŝtmarkoj. La C. O. estos dankema pri komuniko de adresoj de varbindaj personoj el transoceanoj landoj.

Dro Privat pravigante la utilon de la delegita sistemo petas la ĉeestantajn samideanojn el Urugvajo kaj Japanio instigi la hejmlandajn samideanojn interesiĝi pri UEA kaj la starigo de delegitoj en la koncernaj landoj. Ankaŭ en Brazilo UEA estas nesufiĉe reprezentata, kvankam tie ekzistas granda kaj vigla movado. S-ro Legrand (Montevideo) estas petata interesigi la brazilajn esperantistojn okaze de sia reveturo kaj halto en Rio de Janeiro.

S-roj Narita kaj Legrand promesas fari ĉion necesan.

S-ino Farges (Lyon) petas malhelpi ke simpla membro portu insignon de delegito.

Respondas s-ro Jakob, ke estas malfacile ĉion kontroli. Iu firmo fabrikis UEA insignojn sen permeso de UEA kaj ilin vendis al mendantoj. La plua vendo estas malhelpigita.

*Financoj.*

Pri tiu-ĉi tre delikata temo raportas S-ro Jakob, citante la indikojn de la raporto en la kongresa libro.

En la diskuto S-ro Sakoviĉ (Novogrodek) diras, ke UEA devus pligrandigi sian enspezon. Tio nur povus okazi, se multaj novaj membroj aliĝus. Li proponas fari propagand-vojaĝojn por varbado al UEA.

Respondante D-ro Privat informas, ke li jam antaŭ kelka tempo decidis fari tian vojaĝon en Britio. Se la vojaĝoj alportus utilon, ili unue devus esti farataj en bonvalutaj landoj. Insistas, ke ĉiuj ĉeestantoj kaj interesuloj varbu por UEA. Se la asocio havus 10.000 membrojn oni forigus la ĉefajn malfacilaĵojn.

S-ro Poncet, laŭdante la modelan financan raporton sentas sin devigata nome de ĉiuj ĉeestantoj danki al la komitato, komisiono kaj al la oficantoj de UEA pro la bonega aranĝo.

D-ro Privat dankas pro la komplimento kaj esperas, ke la venonta jaro ne alportos ree tian gravan malprofiton.

Post diversaj aliaj klarigoj al la raporto pri la agado en 1921 D-ro Privat voĉdonigas la aprobon.

La kongreso unuanime aprobas kun danko al ĝia verkinto.

*Honorigo de membro.*

D-ro Privat proponas la nomigon de S-ro Szabuniewicz (Moskvo) kiel honora membro, kiu dum dek jaroj funkciis kiel komitatano en brilaj kaj malbrilaj tempoj. La kunveno unuanime konsentas kun aplaŭdo.

D-ro Privat detale skizas la nunan staton de nia movado kaj akcentas la okazintaĵojn kaj okazontaĵojn en rilatoj kun la Ligo de Nacioj. Ni devas esti kuraĝaj kaj devas obstine antaŭenmarŝi. Ni nenion bezonas timi, sed nia taktiko devas esti saĝa. De la venontaj okazontaĵoj dependos la plua sukceso de nia afero. Ĉiu kunhelpu siaparte al bona rezulto kaj ne malpacienciĝu, se la neevitebla opozicio ŝajnas kaŭzigi malhelpon. Malgraŭ ĉio oni neniam povos mortigi tian imponan movadon, kiun reprezentas Esperantismo (Vigla aplaŭdo). Se ne ĉio estas tuj atingata, ni esperu, ke pli malfrue tio okazos. Ĝis tiam ni devos labori eĉ laboregi kaj espereble la tuta esperantistaro komprenos la gravecon de la faritaj paŝoj. Nur tiam ni agas laŭ la spirito de nia majstro! Sed ne sole la spirita kunhelpo al nia komuna celo akcelos la laborojn, sed ankaŭ financa subteno. Ni bezonas monon por agi kaj espereble trovos oferemajn, ne-avarajn amikojn, kiuj ekkonas la situacion. Li proponas starigon de propaganda kaso, ligata al la centra komisiono.

Unuanime aprobata.

Dankante pro la aprobo, li dankas al la senlaca prezidanto de UEA S-ro Stettler, bedaŭrinde neĉeestanta la kongreson, al la ĝenerala sekretario s-ro Hans Jakob, pro lia modela gvidado de la Centra Oficejo, al la oficistoj de la Centra Oficejo kaj li mencias ankoraŭ la gravan laboron de la delegitoj kaj esprimas deziron, ke ankaŭ estonte la kunlaboro estu sukcesplena.

*Organizo de la Movado.*

D-ro Privat skizas la solvon de la organiza problemo kaj esperas, ke la esperantistoj subtenos la novan organizon, tiel kiel ĝi meritas.

Laŭ peto de S-ro Essigmann (Warszawa) li ankoraŭfoje resume klarigas la novan aranĝon.

D-ro Privat daŭrigas, ke la hodiaŭa kunveno de UEA havas historian signifon en nia movado. La ideo de fervorega kunlaborinto, s-ro Bolingbroke-Mudie efektiviĝis. La grandioza verko de tro frue mortinta Hector Hodler, homo plena de sindono kaj oferemo, fariĝis oficiala institucio. D-ro Privat solene proklamas, ke UEA metas sin al la dispono de la tuta Esperantistaro kaj petas S-ron v.

Frenckell kiel prezidanton de la Universala Kongreso okupi la prezidantan seĝon. (Forta aplaŭdo).

S-ro von Frenckell dankas emocie kaj laŭdas senlacan laboron de D-ro Privat, kiu helpis tiel grave atingi tiun konkordon. Fine la unueco estas atingata. Sendube ĝi helpos revigligi la laboron de la Naciaj Societoj, kiel ĝi ankaŭ grave influas la internacian movadon. Nova folio en la historia libro de UEA estas komencata. Li proponas, ke D-ro Privat denove sidiĝu al la prezidanta loko por esprimi, ke regas unuanimeco pri ĉio (rea aplaŭdo).

S-ro Chavet, Ĝenerala sekretario de la Esperantista Centra Oficejo en Paris dankas al ĉiuj kunhelpantoj de UEA pro la bona aranĝo. Aludas, ke per la solvo de la organiza problemo ankaŭ Generalo Sebert estos kontentigita, kiu celis samon kiel Hodler kaj Mudie. Li kredas, ke la nova organizo povos multe helpi al la ĝenerala movado kaj esperegas, ke per reciproka sindona kunhelpo nia fina celo estos atingita. Li gratulas la finnlandajn samideanojn, kiuj povas esti fieraj, ke la problemo solviĝis dum la kongreso en Helsinki.

Respondante al la alvoko pri financa subteno por la estonta laboro, gesamideanoj citataj en aparta listo transdonas siajn oferojn.*)

Je la fino S-ro Setälä ankoraŭ donas detalojn pri la programo de hodiaŭ kaj morgaŭ kaj petas pri interesiĝo kontentiga.

D-ro Privat fermas la kunsidon je la 18-a horo.

* * *

## Dua Komuna Labora Kunsido

(Vendrede 11 Aŭgusto.)

D-ro Privat, vicprezidanto de la Kongreso, prezidas la kunsidon. Li sciigas, ke, hieraŭ, en la unua laborkunsido de UEA, li organizis monkolekton por la kreota Centra Komitato kaj ke tiu monkolekto donis bonajn rezultatojn, kiuj estos publikigitaj en la ĵurnalo Esperanto*), per zorgoj de S-ro H. Jakob, sekretario de la Kongreso.

La Prezidanto sciigas, ke li jam ricevis interesajn raportojn pri okazintaj fakaj kunsidoj, kaj li memorigas, ke la sekretarioj de la Fakaj kunsidoj devas ĉiuj sendi al la Kongreso siajn raportojn kaj la plej gravajn el iliaj rezolucioj, kiuj havas ĝeneralan intereson, por ke ili fariĝu deziresprimoj de la tuta Kongreso.

La Prezidanto komunikas la decidojn de la Faka Kunsido de la Ruĝa Kruco kaj atentigas pri la graveco de tiu rezolucio. Li aldonas, ke la Esperantistaro havas la devon interrilati kun la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco kaj proponi sian kunlaboron. Li promesas publikigi trifoje ĉiujare en „Esperanto" adresaron de junuloj, anoj de la Ruĝa Kruco kiuj deziras korespondadi.

S-ro Rud. Horner, oficiala reprezentanto de la Ruĝa Kruco, petas la Kongreson aprobi la rezolucion, ĉar tiu aprobo alportos efikan helpon por la propagando de Esperanto en ruĝkrucaj rondoj.

S-ro Warden proponas, ke la Kongreso konfirmu tiun rezolucion kaj li memorigas ke Esperanto estis jam uzita de la Ruĝa Kruco dum la milito pere de la franca Registaro, kaj tiu uzado estis tre fruktodona.

La rezolucio de la Faka Kunsido de la Ruĝa Kruco estas unuanime akceptata.

La Prezidanto komunikas leteron de la Komitato de la Y. M. C. A. (Asocio de Kristanaj Junuloj) kiu komisias S-ron Rud. Horner por ĝin reprezenti en la Kongreso kaj li petas S-ron Horner danki tiun gravan kaj potencan asocion por la signo de intereso kiun ĝi donis al nia movado.

*) Vidu p. 19.

La Prezidanto komunikas proponon de S-ro Delanoue, laŭ kiu la Kongreso esprimu la deziron ke S-ro Ministro de Instruado de Finnlando (kiu ĉeestis nian malferman kunsidon) informu siajn kolegojn de la ceteraj landoj pri la praktikeco de Esperanto.

D-ro Arnhold timas, ke tiu propono ne havos efikon kaj li diras ke la plej bona sekvota vojo estas, ke la diversaj nacioj vizitu siajn ambasadorojn kaj konsulojn por ke ili raportu al siaj registaroj. Li diras ke la Germana ambasadoro en Helsinki jam konsentis akcepti la viziton de la germanaj kongresanoj.

S-ro Essigmann subtenas la proponon de D-ro Arnhold.

La Prezidanto diras, ke oni povos eble sendi delegacion al la finna registaro por danki ĝin por ĝia intereso pri la Kongreso kaj peti, ke ĝi trovu la plej bonan vojon por informi la ceterajn registarojn pri la rezultoj de nia Kongreso.

S-ro Delanoue akceptas tiun solvon, kiun la Kongreso unuanime aprobas.

S-ro Chavet, ĝenerala sekretario, legas la protokolon de la unua labora kunsido; ĝi estas akceptata sen diskuto, post korektigo de S-ro Arnhold.

La Prezidanto disdonigas al la ĉeestantoj la tekston de la propono de la Komisiono pri ĝenerala organizo, kiu estis analizita en la unua laborkunsido kaj principe akceptita.

S-roj Warden kaj Ĉernohvostov prezentas lingvajn malgravajn korektojn kiuj estas aldonitaj.

Laŭ propono de S-ro Sakaria, la teksto estas esplorata paragrafo post paragrafo.

Pri la unua artikolo rilatanta al la Reprezentantaro, S-ro Isbrücker proponas, ke la Kongreso elektu de nun la estraron de tiu Reprezentantaro.

S-ro Prezidanto diras ke tiu propono ne povas esti enmetita en la tekston mem de la rezolucio, sed ke oni diskutos ĝin poste.

Je la tria paragrafo de la unua artikolo, S-ro Ginz proponas ke oni enmetu „3 Krom tio, la Fakaj Societoj..."

Tiu propono ne estas akceptata post klarigo de S-ro Chavet.

S-ro Gordon demandas kiu estas la nomo de la nova organizaĵo.

Post klarigoj de S-roj Privat kaj Edwards, oni decidas ne doni alian ĝeneralan nomon.

La artikolo I estas akceptata unuanime.

La artikolo II estas unuanime akceptata sen diskuto.

Post rimarkoj kaj proponoj pri malgravaj lingvaj korektigoj de S-roj Chavet, Privat, Ellersieck, Jakob, Arnhold kaj Isbrücker la artikolo III estas unuanime akceptata.

La artikoloj IV kaj V ekstas akceptataj sen diskuto.

Pri la paragrafo VI S-roj Privat, Edwards, Ĉernohvostov, F-ino Noll, S-roj Diez, Sakaria kaj Nylen petas diversajn klarigojn pri la maniero, laŭ kiu la oficialaj komunikoj estas dissendataj al la esperantista gazetaro kaj pri la publikigo de la raportoj en la Oficiala Dokumentaro.

Post klarigoj de S-ro Chavet la artikolo VI estas akceptata.

La tuta teksto de rezolucio estas fine voĉdonita de la Kongreso unuanime.

La Prezidanto diras, ke ni devas nun voĉdoni rezolucion pri praktikaj rimedoj por funkciigi la aferon.

Li proponas por la starigo de la Reprezentantaro de la Naciaj Societoj la jenan rezolucion:

„La Kongreso, por faciligi la tujan formadon de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj petas S-ron Generalon Sebert kaj S-ron Chavet, ke ili bonvolu tuj funkcii kiel provizoraj Prezidanto kaj ĝenerala sekretario de la Reprezentantaro, ĝis la momento kiam ĝi mem estos fiksinta sian estraron".

Por respondi al deziresprimo de S-ro Ĉernohvostov, S-ro Privat diras ke S-ro Chavet ĉeestos la venontan kunsidon

de la delegitoj de la Naciaj Societoj, kiu okazos laŭ propono kaj sub prezido de D-ro Arnhold kaj ke li bonvolos raporti al Generalo Sebert pri la deziresprimoj de tiu kunsido.

La propono estas unuanime akceptita.

La Prezidanto prezentas al la Kongreso duan rezolucion pri la Centra Komitato. Jen la teksto:

„La nuna Komisiono pri ĝenerala organizo bonvolu plenumi la oficon de la Centra Esperanto-Komitato ĝis la momento, kiam tiu Komitato estos elektita.

La anoj de tiu Komisiono estas S-roj Warden, Chavet, Stettler, Privat, Arnhold, Page, Poncet, kaj S-ro Isbrücker, kiu anstataŭis S-ron Page en tiu ĉi Kongreso. S-ro Page estos prezidanto de la Komisiono."

Tiu proponoj kaj precipe la propono pri la prezido de S-ro Page estas aklame akceptataj.

Fine, la Prezidanto prezentas al la Kongreso tiun trian rezolucion, kiu estas unuanime akceptita:

„La Kongreso petas la Centran Komitaton ke ĝi zorge revizu kiel eble plej baldaŭ la antaŭajn regularojn pri organizaj aferoj, por ke ili akordiĝu kun la akceptita interkonsento".

La Prezidanto prezentas al la Kongreso la diversajn proponojn de Generalo Sebert, honora prezidanto de la K. K. K. pri ŝanĝoj en la Regularo de niaj Universalaj Kongresoj. Li diras ke tiuj proponoj povas esti resendataj al la Centra Komitato, kiu ilin esploros.

S-roj Warden kaj Essigmann aprobas tiun solvon. Ili ĝenerale malaprobas, ke oni rifuzu la aliĝon de iu persono al la Kongreso kaj ili deziras, ke la nuna liberala regulo estu konservata.

S-ino Cense diras ke oni ne devas timi ke kontraŭuloj kaj neesperantisto povas aliĝi al niaj kongresoj, ĉar ili povos eble eltiri el tiu ĉeestado argumentojn favorajn al Esperanto.

La Prezidanto proponas kaj la Kongreso akceptas, ke oni simple notu en la protokolo de tiu ĉi kunsido, ke post diskuto oni konstatis, ke la ĝenerala opinio de la Kongreso estas, ke tiu ŝanĝo en la Regularo ne estas dezirinda.

Pri la proponoj rilataj al la buĝeto de la Loka Komitato, S-ro Setälä diras, ke post lia spertado, li opinias ke la reguloj proponataj pri la divido de la kontoj en du partoj ne estas facile aplikeblaj. Ankaŭ li malaprobas la proponon pri la instruo de Esperanto al enlanduloj. Li aprobas la proponon pri la repago de vojaĝelspezoj kun escepto de la lastaj vortoj „se ili tion petas".

La Prezidanto proponas kaj la Kongreso akceptas ke oni notu en la protokolaro, ke la Kongreso aplaŭde aprobis la rimarkojn de S-ro Setälä.

Pri la periodeco de la Universalaj Kongresoj parolas S-roj Jakob, Narita, F-ino Noll, S-ro Ĉernohvostov. S-ro Privat diras ke oni ne miksu la aferon pri la Universalaj Kongresoj kun la organizo de la Internaciaj teknikaj Konferencoj.

S-ro Setälä diras, ke se oni bezonas dujaran paŭzon inter du Kongresoj, oni povus fari la Kongreson en Ameriko aŭ Orienta lando kaj dum la intertempo, kiel tio jam okazis por la Kongreso de Washington.

S-ino Cense opinias, ke oni devas konservi la ĉiujaran periodecon por doni al diversaj landoj la okazon havi Kongresojn kaj aŭdi almenaŭ unufoje la esperantan elparolon de eksterlandanoj.

S-roj Isbrücker kaj Arnhold opinias same.

Ankaŭ subtenas tiun vidpunkton S-ro Laquer.

Fine oni akceptas ke la protokolo notu, ke la ĝenerala opinio de la Kongreso estas kontraŭa al ŝanĝo en la Regularo pri la periodeco de la Kongresoj.

S-ro Setälä, sekretario, komunikas al la Kongreso la jenan telegramon de S-ro Prezidanto de la Finnlanda Respubliko.

*„Dankante sincere por la saluto mi deziras al la Kongreso plej bonan sukceson".*

Tiu telegramo estas entuziasme aplaŭdata.

D-ro Privat transdonas la prezidan lokon al S-ro Sandström, vicprezidanto de la Kongreso kaj uzas la okazon por memorigi la grandajn servojn faritajn de tiu energia pioniro de Esperanto por la propagando en Finnlando.

La Prezidanto prezentas al diskuto la proponon de la Nederlanda Societo pri la organizo de karavanoj de neesperantistoj en niaj Kongresoj.

S-ro Isbrücker diras ke tiu propono havas neniun malamikan intencon por niaj svedaj samideanoj.

S-ro Nylén klarigas, kiamaniere estis organizita en la Praha Kongreso tiu karavano dank'al la iniciato de fervora sveda samideano. Ĝi okazis nur por propaganda celo. Li diras, ke en tiu ĉi Kongreso oni devis akcepti helpkongresanojn kun speciala insigno, kiuj ne parolas Esperanton.

S-ro Jakob, Ĝenerala Sekretario de UEA proponas, ke en la estonto, UEA estu komisiata por organizi la karavanojn kaj ke ĝi zorgu, ke la anoj de tiuj karavanoj bone komprenu Esperanton.

S-ro Isbrücker diras, ke la propono de la Nederlanda Societo ne celis malpermesi la partoprenon al Kongreso de ĉiuajn persono kiu ne bone konas Esperanton, kiel ekzemple edzinoj de kelkaj kongresanoj sed simple malpermesi la organizon de karavanoj de ne-esperantistoj. Li malaprobas la sistemon de helpkongresanoj uzitan en tiu ĉi Kongreso. Por li la helpkongresanoj devas esti simple kongresanoj kiuj aliĝis, sed ne povas ĉeesti.

S-ino Van Rees diras ke, se oni enkondukas en niaj Kongresoj personojn kiuj ne estas Esperantistoj, tio povus esti armilo kontraŭ ni por niaj malamikoj.

La Propono de la Nederlanda Societo estas fine akceptata kaj la subpropono de S-ro Jakob estas resendata al la C. O. de UEA, por prilaboro.

Post salutparoloj de S-ro Josef Blažek je la nomo de la Internacia Asocio de Esp. Fervojistoj la kunsido estas fermita je la 13 horo.

* * *

## Tria Komuna labora kunsido

(Sabato 12 Aŭgusto 1922)
(Nobelara Domo).

Malfermo: 9. h.

Tagordo:

Zamenhofa Monumento.
U. E. A.: Servoj, proponoj.
Raporto de la komisiono pri Instruado.

Malfermis la kunsidon je la 9a horo S-ro v. Frenckell donante la parolon al S-ro Vilho Setälä por lego de telegramo al la prezidanto de la respubliko, dankanta lin por la honoro, kiun li faris, akceptinte la reprezentantojn de la esperantista movado en sia palaco. Sekvas kelkaj klarigoj, kaj ĝeneralaj informoj.

*Zamenhofa Monumento.*

La kongresanoj havas sub la mano la raporton de S-ro Applebaum, honora sekretario de la komitato. Kiel ĉefan citindaĵon ni notas, ke la kolekto donis ĝis nun la jenan rezultaton: en brita mono: £ 72.7.3 en ĉeĥoslovaka 4543.65 kr., en pola 95314 mk., 500 belgaj frankoj, 60 finnlandaj markoj, 80 liroj, 5 sv. kronoj, 1 holanda guldeno. (tio estus en svisa mono proksimume 2600 frankoj.)

Pro foresto de S-roj Applebaum kaj Page raportas S-ro Warden, informante pri la malhelpoj, kiujn devis venki la sekretario.

S-ro v. Frenckell petas aprobon de la raporto kun esprimo de danko al la verkinto, submetas je voĉdono la jenan deziresprimon:

„La kongreso esprimas la deziron, ke ĉiuj esperantistaj societoj instigu la ĝeneralan daŭrigon de la donacado por la monumento de D-ro Zamenhof."

La kunveno aplaŭde akceptas.

S-ro Stan. Essigmann (Warszawa) nome de la Loka Komitato por la starigo de l'monumento informas, ke ĝi eble ne estos preta dum tiu-ĉi jaro, sed esperèble inaŭgurata okaze de la 16a kongreso okazonta en Warszawa. Li plie petas la akcepton de jena rezolucio:

„Ĉar montriĝis ĉe la kongreso profunda deziro je baldaŭa starigo de monumento sur la tombo de nia majstro, kaj konsiderante la troŝarĝon de la ĝisnuna komitato, meritanta koran dankon, la kongreso trovas necese kaj utile, esprimi la jenan deziron:

*a)* La Loka Komitato en Warszawa konsistu el ses anoj, po 2 el la 3 societoj, garantiante per tio plenan interkonsenton kaj pretigon de la monumento ĝis la difinita tempo.

*b)* La Loka Komitato kunvenu almenaŭ dufoje dum monato por priparoli la faritajn kaj farotajn laborojn; protokoloj estu sendataj al la esperanta gazetaro.

*c)* La komitato rajtas akcepti aliajn personojn, kiuj per faka aŭ morala helpo povas utili al ĝi kaj al la verko.

La kunveno akceptas unuanime.

Parolas S-ro Nylén, aprobante la iniciaton.

S-ro Setälä anoncas la alvenon de la kuponkartoj, konigas la prezon kaj metodon de vendado. Pri tiu detale raportas S-ro Kötz, menciante la malfacilaĵojn ĉe la presigo.

S-ro Essigmann informas, ke monumento ne povas esti starigata sur publika placo nur pro nunaj lokaj cirkonstancoj; ĝi estas tombo-monumento, respondanta al la modesta vivo de nia majstro.

D-ro Privat, alproksimiĝante al S-ino Klara Zamenhof resumas la penson, kiu plenigas la korojn de la kongresanoj en tiu ĉi tago de S^ta^ Klara. Li skizas la penigan vojon, kiu trairis nia majstro. Li dankas al la vidvino por la heroa persisteco kaj kuraĝo, ebliginta la starigon de nia movado. Dum plej malhelaj tagoj la konscio agi por la bono de venonta generacio ne forlasis ŝin, kaj se la esperantistaro rememoras la kreinton de la lingvo, ĝi neniam forgesas la helpon, kiun donis lia edzino.

Varme aplaŭdataj de la kunveno, S-ino Isbrücker prezentas belan bukadon de rozoj kaj D-ro Privat premas la manon de S-ino Zamenhof, kiu kortuŝe respondas, dankante.

* * *

La prezidanto donas la parolon al la ĝenerala sekretario de UEA por legado de letero de S-ro O. Sklenčka, Del. en Hradec-Králové (Ĉeĥoslovakio). S-ro Sklenčka bedaŭras ne povi ĉeesti la kongreson, insistas je pli da iniciatemo ĉe la delegitoj. Li montras kiamaniere UEA kaj nia movado povas alporti utilon per laŭcela uzado de informoj, anoncoj kaj presaĵoj.

S-ro Jakob klarigas manieron de efika propagando aranĝita de S-ro Istel, Del. en Wiesbaden per elmontro de leterkovertoj, kiujn la C. O. ricevis el aro da landoj. Rondirigo de fotografaĵo komprenigu la aranĝon. Propono de S-ro Poncet pri perado de esperantaj gazetoj kaj propono de la ĝenerala sekretario pri aliĝo de membroj el Ruslando estas resendataj al la Centra Oficejo per zorgado laŭ plej taŭga maniero.

S-ro Sandtsröm transdonas salutojn de la foira kunveno.

Sekvas diversaj informoj de S-ro. v. Frenckell.

*Komisiono pri Instruado.*

Raportas D-ro Privat skizante la kreon de tiu-ĉi komisiono, sekve de instigo de la Pola Societo. Rezultiĝis el tio la konferenco pri Instruado de Esperanto en lernejo, okazinta en Genève, kiu donis la eblecon al reprezentitaj registaroj, senpartie juĝi lau la metoda laborplano la akiritajn spertojn. Li informas pri sendo de raporto al la ministroj de Instruado ĉiulandaj, citas la efikon ĉe pluraj el ili, mencias favoran decidon de albana registaro, promesanta enkondukon de nia lingvo kiel devigan instrufakon post organizo de la lernejoj. Aludas, ke en tricent urboj okazas nun oficiala instruado de Esperanto al infanoj, bedaŭras la neprecizecon de multaj propagandistoj, alvokas je kunhelpo, disciplino, sistema laboro.

Priskribante la konferencon en Genève D-ro Privat atentigas pri la valoro de tiaj pure teknikaj kunvenoj, kiuj per relative malmulte da mono kaj klopodo havas sukceson tute apartan kaj bonan. Estas intencate daŭrigi tiajn fakajn kunvenojn.

S-ro Arnhold leviĝas. esprimante la dankon pro la bonega aranĝo de la Konferenco de Genève, klarigas miskomprenon de la laboristaj esperantistoj. D-ro Privat informas je tiu-ĉi afero, ke la laboristaj esperantistoj havis reprezentanton en profesoro D-ro Dietterle (komisiita de germanaj laboristoj), S-ro Piatti kaj Rotta instruisto (komunumo Milano) kaj S-ro Young (Brita laborista delegito).

Sekvas legado de telegramoj per S-ro Chavet, salutas kaj bondeziras la kongreson S-ro Belmont, F-ino Šupichová, Wien'a esperantistaro, Klubo en Novo-Nikolajevsk, Londona Klubo (Aplaŭdo).

D-ro Arnhold proponas sendon de telegramoj al Poŝtista Konferenco nun okazanta en Berlin, proponanta alprenon de Esperanto.

S-ro Chavet legas la protokolon de la dua labora kunsido, kiu post korektigo de kelkaj detaletoj estas akceptata

Fermo de la kunsido je 12a h.

* * *

## Solena ferma kunsido

(Nobelara domo, 15 Aŭgusto)

Sur la estrado: S-ro Karl von Frenckell, prezidanto,
S-ro Albin Sandström, S-ro D-ro Arnhold, S-ro T. M. Warden, S-ro D-ro Edm. Privat, — vicprezidantoj.
S-roj Chavet, Setälä kaj Jakob, sekretarioj.

*Tagordo:*

1. Proponoj pri okazigo de la XV. Kongreso.
2. Lego de protokolo.
3. Fermo de l'Kongreso.

Malfermis la kunsidon S-ro von Frenckell submetante la proponon de la Esperanto-Kartell Nürnberg pri okazigo de la XVa kongreso je diskuto. Prezentas la inviton S-ro Hönigsberger, sendito de la Unuiĝo en Nürnberg, per mallongaj impresigaj vortoj. Petis la parolon D-ro Arnhold atentigante ke la invito venas rekte de Nürnberg; la Germana Esperanto-Asocio hezitis inviti, supozante ke estas aliaj pli rajtaj proponoj. Aŭdante la ĝeneralan konsenton de la kongresanoj, la GEA kore invitas, ne promesante belajn festojn, sed laboron per ĉiuj fortoj. Li kredas, ke la kongreso multe helpos plifortigi la favoran sintenadon de la registaro, kaj forigi la malamikajn klopodojn (Aplaŭdo).

La prezidanto rimarkigas, ke oni funde diskutu neniel influante la kongresanaron. Petas parolon D-ro Emiljan Loth, prezidanto de Pola Esperantista Societo; Unua Tutpola Esperantista kunveno decidis inviti la kongreson por venonta jaro, sed montriĝis ke tio estas tro frue. Ni ne reprenas la inviton, sed petas iom da tempo.

S-ro Stan. Essigman (Warszawa) klarigas la sintenadon de la varsoviaj samideanoj; la kaŭzoj de prokrasto estas pure eksteraj certe, ŝanĝontaj post ne longa tempo.

S-ro Profesoro D-ro Dietterle, sciigas ke la reprezentanto de Aŭstrio, S-ro Fiby, jam forveturinta, komisiis lin, inviti la kongreson por 1924.

S-ro von Frenckell rimarkas, ke ĝenerale oni ne decidu ion sen severa esploro de ĉiuj kondiĉoj. Ni ricevis invitojn de Wien kaj Warszawa. La demando ne estas, kiu urbo nin allogas. Iam oni intencis okazigi la kongreson en itala aŭ bulgara urbo, sed prezentiĝas ree diversaj malhelpoj, kiuj devigas prokrasti ĝis pli favora tempo.

Petas parolon S-ro Atanasov (Bulgaro) informante, ke li ne havas komision inviti la XVan kongreson, sed esprimas certan volon aranĝi la XVIan en Sofia, esperas tiam saluti la samideanojn en la ĉarma lando de l'rozoj. (Aplaŭdo).

S-ro von Frenckell resumante diras, ke neniu alia invito venis. D-ro Privat proponas aklaman akcepton de invito de Nürnberg. Per klaraj varmaj vortoj D-ro Privat prezentas bildon de Nürnberg. Nia movado estas forte ligata idee al tiu-ĉi urbo kie vivis Einstein, samnoma famulo malpli konata al la cetera mondo. Li rememorigas la ekziston de antikvaĵoj esperantistaj en tiu-ĉi loko, kie aperis la unuaj broŝuroj en nia lingvo de presejo Tümmel; „La Esperantisto“ aperis samloke. La unua grupo esperantista sub gvido de malnova pioniro de mondlingva ideo, Christian Schmidt ekestis en Nürnberg. Ne sole historiaj kaŭzoj ekzistas: Ĉarma urbo kun turoj, malnovaj urbomuroj, kaj bela regiono. Insistas je la valoro de konatiĝo kun la popolo, tiom suferanta kaj pacience elportanta la ŝarĝon de sia sorto. La kunveno aklame akceptis la inviton, okazigi la XVan Kongreson en Nürnberg.

S-ro von Frenckell gratulas la germanajn esperantistojn dezirante ĉian sukceson al ilia laboro.

Sekvis legado de salutleteroj de Tramista Unuiĝo de Wien kaj S-ro de Marich el Budapest nome de la polica esp. movado. S-ro Hans Jakob, Ĝenerala Sekretario de UEA, legis la protokolon de la tria laborkunsido, sabate 12 Aŭgusto, notinte iajn korektojn, laŭ peto de S-ro Essigmann.

Diversaj saluttelegramoj, informoj pri ekskursoj kaj alparolo de S-ro Pech el Plzeň (Ĉeĥoslovakio) en nomo de ĉeĥoslovaka laborista esperantista asocio.

S-ro Eroŝenko, blinda samideano el Pekin salutas la kongreson nome de ĉinaj samideanoj; insistas pri la paciga rolo de esperantismo, alvokas je malamo de ĉia milito.

S-ro von Frenckell preskaŭ melankolie esprimas sian penson pri forirantaj tagoj, feliĉaj horoj kaj la disiĝo. La revo de multaj el ni dum semajnoj, dum monatoj estas nia tutmonda kunveno; kvankam ni nun disiĝas ni kunportas ion kio restas: la rememoro de feliĉaj tagoj, pasintaj en gastama lando inter amikoj ĉiulandaj. Tiu-ĉi penso kaj la certigo de revido ĉe venonta kunveno forigu la malĝojon de disiĝo. La nuna kongreso unuigis la disajn fortojn de nia movado kaj donis al ni novan energion, novaj problemoj ekestas sed ne plu estas samaj kondiĉoj. La mondo nin atentas; ŝajnas ke ni eniras la oficialan epokon de nia movado, la akcepto ĉe prezidanto de regno estas paŝo sur vojo de similaj honorigoj. La Kongreso havis bonan feinon kiu laboris por ni diligente kaj senbrue inter la Loka Komitato, al kiu ni ŝuldas koran dankon. Nenia malagrablaĵo, nenia grava plendo, ni ĉiuj sentis ke oni atentis nin kaj niajn dezirojn. Tion ni memoru kun forta sincera danko al la komitato kaj ĝiaj anoj, Sandström modesta kaj trankvila, Vilho Setälä, rapidema kaj direktanta, Kostiainen decida kaj energia, Ĉernohvostov kaj ĉiuj aliaj. Laŭdon al la nelacigeblaj fraŭlinoj, kiuj rezignante la amuzaĵojn de la kongreso fidele kaj serveme restis sur la posteno en la akceptejo, en la sekretariejo. Koran dankon al vi ĉiuj, via afableco restos en niaj koroj. (Longa tondra aplaŭdo.)

S-ino Isbrücker, aludante ŝajnan parolemon de virinoj konstatas, ke parolis nur viroj kaj sekve tiu aserto ne estas laŭvera (ridoj). Dankas la kongreson kaj instigas je serioza daŭrigo de nia laboro.

S-ro Isbrücker, menciante la Hagan kongreson komparas la diferencon kaj rimarkigas, ke la atendoj estas superataj. Humore proponas translokigi la Lokan komitaton al Nürnberg por esti certa pri simila bonega aranĝo. (Aplaŭdo.)

D-ro Privat: Volonte ni estus restintaj pli longe por pli bone konatiĝi kun la lando, feliĉaj vi, kiuj povas resti kaj ĝui la belecon de Suomi. La revenintaj Esperantistoj, veraj ambasadoroj de Finnlando ĉie rakontos pri vi reva, rava lando kun viaj miloj da lagoj, da insuloj, da insuletoj. Nova ŝtono en la fundamento de nia historio estas tiu-ĉi kongreso kaj neeble estas ĝin forigi. Ni rekte iru nian vojon, malgraŭ baraktoj, malhelpoj, ĝenoj kaj tedoj. Bonan memoron ni kunportas de la lando de Väinemöinen, de Kalevala, ne forgesante la modernan tempon, kun kiu ni povis konatiĝi en la „Nacia Teatro“ per prezentado de riĉa kaj bela programo. Akceptu vi ĉiuj, nian koran sinceran dankon: Vivu Finnlando! (Longa Aplaŭdo.)

D-ro Arnold persone dankas S-ron von Frenckell, lin instigantan viziti la kongreson, gratulas lin pro la gvidado de la aferoj. Ni rememoru, kion multe li faris por nia movado en Germanio, ni danku lin per sekvo de lia modela laboro.

S-ro Felix Diez (Bilbao) rakontas pri lia vizito en Warszawa, kore dankas al la kongresa komitato kaj alportas memoraĵon de l'tombo de nia majstro.

S-ro von Frenckell konservas la memoraĵon kiel signon de sincera amo al nia majstro.

S-ro Vilho Setälä vive aplaŭdata de la kunveno dankas per varmaj vortoj al la kongresanaro por la konfido, kiun oni havis veninte tiom are en tian malproksiman landon. Komparas nian movadon kiel ponto de norda lando al aliaj. Multon plenumis la nuna kongreso kaj feliĉaj ni estas havante nun unu organizaĵon. (Longa aplaŭdo.)

S-ino Zamenhof dankas por la gastamo kaj afableco de finnlandaj esperantistoj.

S-roj Kornfeld (Jaslo), Narita (Tokio) esprimas siajn dankojn sekvataj de forta aplaŭdo.

S-ro von Frenckell fermas la XIVan kongreson; post komuna kantado de la himno la kongresanoj disiras.

---

# La Laborista festo

Mardon vespere 14. Aŭgusto, post la fermo de l'kongreso, okazis en la Nobelara Domo laborista festo, organizita de lokaj samideanoj, sub la prezido de Profesoro Voionmaa, unu el la tri delegitoj de Finnlando al la Ligo de Nacioj.

Ĉeestis granda nombro da gelaboristoj el la ĉefurbo, kiuj ne povis partopreni la kongreson dum la tagaj horoj de laboro. Unue Profesoro Voionmaa bonvenigis la eksterlandanojn per parolado tre korekte legita en Esperanto. Poste li klarigis en finna lingvo pri la graveco de nia lingvo por laboristaro tutmonda. Blinda laboristino poste kantis kun akompano de fortepiano.

Tiam fame parolis S-ro Kostiainien, unu el la plej sindonemaj laborintoj de la Loka Organiza Komitato. Li plendis ke samurba kolego lia en la loka komitato agis ne neŭtrale forjetante el la kongresa vendejo amason da ekzempleroj de social-demokrata ĵurnalo finnlanda dum oni dum la tuta semajno libere vendis ĉiujn konservativajn aŭ eĉ monarkistajn gazetojn. (Krioj: *honto! honto!*) Pro tia ofendo al la laboristoj, li proponis ke ili eksiĝu el la ĝenerala movado esperantista kaj nur partoprenu en apartaj organizaĵoj.

Respondis D-o Privat, invitita al la festo kun konsento de la Loka Komitato. Li bedaŭris la okazintajon kaj esprimis la opinion, ke pro la neŭtraleco de niaj kongresoj oni devus vendi aŭ ĉiujn aŭ neniujn ĵurnalojn en la akceptejo, ĉar plejmultaj eksterlanduloj ne povas ilin kompreni kaj ne deziras sin enmiksi en internan politikon de la gastiganta lando. Fari distingon inter la ĵurnaloj estas ne neŭtrale kaj ofende. Neŭtraleco signifas ĝentilecon ankaŭ al laboristoj, ne nur al altranguloj. Tamen D-ro Privat ne konsentis kun la propono, ke laboristoj eksiĝu el la ĝenerala movado. Ili ja ne estas sufiĉe multaj por enkonduki Esperanton en lernejojn per siaj propraj fortoj. Por tio estas bezonata unuiĝo de ĉiuj fortoj kaj ankaŭ laboro ĉe parlamentoj kaj registaroj, de kiuj la lernejoj dependas. Pli ol iu ajn la laboristaro bezonas baldaŭan enkondukon de mondlingvo en lernejojn. Tiuj kelkaj diplomatistoj, kiuj kontraŭbatalas Esperanton, timas ke ili perdos la monopolon de internaciaj rilatoj kiam la popoloj komprenos unu la alian. Ili preferus konservi la povon decidi mem pri paco aŭ milito. D-ro Zamenhof proponis novan homaron, en kiu la popoloj lernos rilati rekte unu kun la alia kaj en kiu ni ne staros plu unuj kontraŭ la aliaj kiel „naciano“ kontraŭ „malamiko“ aŭ kiel „burĝo“ kontraŭ „laboristo“, sed tute simple kaj egale kiel *homoj* kun *homoj*, pace laborantaj.

Poste daŭris koncerto kaj ankaŭ alportis salutojn de eksterlandaj laboristoj diversnaciaj parolintoj, interalie S-ro Kalocsay el Hungario; kiu elokvente parolis kiel kutime.

---

# Bonveno de la Prezidanto de l'Respubliko

La Finnlanda Respubliko diversfoje montris sian favoron al Esperanto per oficiala helpo. Dufoje ĝia Parlamento decidis finance subteni la laboron de la nacia societo. Ĝiaj delegitoj en Ĝenevo ricevis instrukcion subteni Esperanton ĉe la Ligo de Nacioj. La XIVa kongreso estis nova okazo por oficiala helpo. La registaro de Finnlando subvenciis ĝian organizon. Diplomata konsilisto el la Ministrejo por eksterlandaj aferoj lernis Esperanton kaj faris paroladon pri nacia kulturo. Kelkaj ministroj de la registaro partoprenis en la honora komitato de l'kongreso flanke de la diplomataj reprezentantoj de la ĉefaj landoj en Helsinki (interalie la franca sendito, S-ro ministro Ribot). La ministro por Publika Instruado malfermis mem la kongreson.

La alta protektanto de la kongreso estis la Prezidanto de la Respubliko, kiu sendis al laborkunsido sian ĉefadjudanton, perfekte lernintan Esperanton. Vendredon 11an de Aŭgusto la Prezidanto invitis en sian palacon la estraron de l'kongreso kaj ĉiujn naciajn reprezentantojn, parolintajn dum la malferma kunsido. La akcepto estis komence tre solena kaj fine tre intima. Gvardia orkestro ludis la „Esperon“ kaj la Himnon de Finnlando dum la Prezidanto manpremis la gastojn post individua prezentado al li kaj al lia ĉarma edzino.

Poste teo estis servita en alia salono de l'palaco. Dum tuta horo la Prezidanto kaj liaj Ministroj interparolis kun la kongresanoj interese demandante pri la progresoj de Esperanto. Afabla kaj modesta, la edzino de l'Prezidanto simpatie bonvenigis ĉiujn eĉ per kelkaj frazoj en Esperanto, tre korekte parolitaj. Ŝi petis nian poeton Kalocsay deklami la belan festpoemon de li verkitan.

Ĉiuj partoprenintoj ricevis tre agrablan impreson de tiu plej afabla gastigo kaj danke konstatis, ke la regnestro de Finnlando vere faris ĉion eblan por montri al la kongresanoj, ne nur ĝentilan bonvenon sed ankaŭ delikatajn amikaĵojn kaj publikan aprobon de nia afero. La esperantistaro ne forgesos tion.

---

# FAKAJ KUNVENOJ

## Komercistoj

(Internacia Federacio por komuna komerca lingvo.)

*1a Kunsido. 12. 8. 22. je la 1—3 p. m.*

*Prezidis:* S-ro Leander Tell.

*Sekretario:* Arvo Ahti.

*Ĉeestis:* 23 partoprenantoj (El jenaj landoj: Finnlando, Francio, Ĉeĥoslovakio, Svisio, Germanio, Anglio, Serbio, Estonio, Hispanio, Hungario, Svedio; sume 11 landoj).

Post kiam oni akceptis la tagordon, la prezidanto faris jaran raporton, priparolante la unuan konferencon en Praha 1921 kaj la fondigon de la Federacio. Pro la foresto de la sekretario de la Federacio, s-ro Hj. Unger el Zürich, s-ro Tell nur resume raportis la agadon de la Federacio, kaj donis klarigojn laŭ peto de kelkaj ĉeestantoj.

Precipe la Sveda Asocio F. E. H. en Stockholm prezentiĝis kiel modelo por nacia asocio por komuna komerca lingvo.

La sveda Asocio jam funkcias depost 3 jaroj kaj akiris konsiderindan nombron da membroj kaj ĝeneralan atenton ĉe la sveda komercistaro, sed oni devas diri ke en la plej multaj komerclandoj tiaj asocioj ankoraŭ ne funkcias.

Rilate al la internacia organiza problemo oni decidis konservi la *Internacian Federacion* kiel centron. Tamen oni unuanime decidis daŭrigi la agadon laŭ novaj linioj.

Sekvis vigla diskutado pri la celo de la Federacio, kiu laŭdecide ne estas komercperanta entrepreno sed unuiĝo kun celo enkonduki Esperanton ĉe komerco kaj industrio.

Pro la manko de tempo oni prokrastis ekkomencintan diskutadon pri la nova regularo por la Federacio.

*2a kunsido. (14. 8. 1922 3—6.30 p. m.)*

*Prezidis:* S-ro Leander Tell el Stockholm.

*Sekretario:* S-ro Arvo Ahti el Helsinki.

Ĉeestis 16 partoprenantoj el jenaj landoj: Svedio, Ĉeĥoslovakio, Italio, Francio, Germanio, Finnlando, Svisio.

Post malfermo de la kunsido oni tuj komencis pritrakti la proponon de S-ro Tell por nova regularo por la Federacio. Oni detale diskutis ĉiun punkton kaj unuanime akceptis ĉi-kunan regularon.

Laŭ la nova regularo oni tuj elektis konsilantaron por la Federacio. Elektitaj estas: S-ro John Merchant el Sheffield, Anglio, S-ro Albin Sandström el Helsinki, S-ro George Delanoue el Parizo, S-ro Radomir Klajiĉ el Belgrad, Serbio, S-ro Ing. Scholze el Reichenberg, Ĉeĥoslovakio kaj S-ro Leander Tell el Stockholm kiel delegito de la sveda asocio FIH. Kiel reviziontoj estis elektitaj S-ro O. Erikson el Viipuri, Finnlando kaj S-ro Leo Cuzon el Paris.

Rilate al la Internacia Komerca Revuo, aperinta en Svisio, kaj ĝis nun organo kaj sekretariejo de la Federacio, estas laŭ unuanima decido konsiderata kiel privata entrepreno. Kiuj havas plendojn kontraŭ la nomita revuo povas sin turni al la nova sekretario de la Federacio.

S-ro Tell raportis pri la ĵus okazinta konferenco de foiroj, kunvokita de la Finnlanda Foiro, en kiu konferenco partoprenis 15 foiroj el 12 landoj. La foiroj decidis aranĝi foiran konferencon por Esperanto dum venonta printempa foiro en Frankfurt a. M. Kaŭze de tiu raporto oni decidis admoni la foirojn fariĝi membroj de la Federacio. (Tuj aliĝis la Finnlanda kaj la Reichenberga Foiroj. La Skanemässan jam aliĝis pere de FIH.)

Pri Komercaj Ĉambroj oni raportis, ke en multaj landoj ili jam estas favoraj al Esperanto. Oni decidis ke la Federacio sin anoncu al la Internacia Komerca Ĉambro en Paris. Ankaŭ oni admonis ke la naciaj asocioj kaj influriĉaj membroj sin turnu al la naciaj centraj kaj lokaj komercaj ĉambroj kaj organizaĵoj rekomendante enkondukon de Esperanto.

Oni ankaŭ admonis ĉiujn personojn, kiujn sin interesas kaj estas taŭgaj fondi naciajn asociojn por komuna komerca lingvo en tiuj landoj kie tiaj ankoraŭ ne ekzistas. Por tiu celo sin turni al la nova sekretario de Federacio.

La konferenco decidis kunagi en la foira konferenco suprenotita.

Kaŭze de la informo de s-ro Ĉernohvostov oni decidis agi en konsento kun la Centra Komitato, kiu sin okupas pri fakaj konferencoj.

La prezidanto legis la proponon de la Germana Esperanta Komerco Korporacio (s-ro Joh. Schwaiger) pri starigo de internacia anoncekspedejo kaj oni decidis ke estas rekomendinde ne uzi Esperanton en tiaj rilatoj; la Federacion oni tro ŝarĝus per tiaj taskoj, ĝia devo laŭcele ja estas unuavice gvidi la internacian propagandon ĉe komerco kaj industrio. Ankaŭ oni decidis unuanime ke la naciaj organizaĵoj por komuna komerca lingvo laŭpove donu helpon en tiu ĉi rilato.

S-ro Ĉernohvostov klarigis la gravan demandon pri komerca terminologio, laŭ sia artikolo en I. K. R. N-ro 10/11 1920. Post vigla diskutado oni elektis komisionon por finstudi la aferon. Elektitaj estis: S-ro Ĉernohvostov kiel prezidanto, s-roj Kreuz & Archdeacon kaj kiel anstataŭanto s-ro Delanoue. Dum la diskutado s-ro Delanoue kaj s-ro Isella informis pri la Esperantotradukoj en komercaj fakvortaroj de la eldonejoj Bottin en Paris kaj Lugagne en Marseille. S-ro Ĉernohvostov dankis pro la konfido kaj esprimis sian deziron ke ĉiu persono sin okupante pri Esperanta komerca terminologio korespondu kun li.

Alvenis letero de s-ro O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio, de la 30. 7. 1922 en kiu li raportas pri sia agado ĉe la tiea komerca ĉambro kaj alia tiea komerca instituto. Oni decidis noti la raporton en la protokolo.

S-ro O. Ginz en Praha proponis ke oni komisiu al UEA kolekti per helpo de siaj delegitoj adresojn de ĉiuj firmoj, kiuj havas esperantistajn oficistojn, por la celo helpi tiujn oficistojn pruvi al siaj ĉefoj, ke Esperanto estas taŭga kaj uzata komerclingvo. Oni diskutadis la aferon kaj atentigis je la danĝero publikigi ĉiujn tiajn adresojn, ĉar multaj esperantistaj oficistoj ofte ŝanĝas oficon kaj krom tio oni ne ĉiam povas garantii la seriozecon de la firmo. La decido estis jena: la sekretario posedu du informservajn adresarojn: 1. de firmoj, kiuj oficiale uzas Esperanton, 2. de firmoj, kiuj eble havas esperantistan oficiston kaj sen respondeco de la Federacio povas aŭ volas korespondadi en Esperanto. Por kolekti tiajn adresojn oni uzu la servon de UEA kaj aliaj organizaĵoj.

Laŭ propono de s-ro Isella el Lugano oni decidis admoni ĉiun esperante korespondantan entreprenon enpresi informon pri Esperantolingva korespondado sur siaj leterpaperoj kaj poŝtkartoj.

S-ro Cuzon legis vastan proponon pri privata entrepreno de s-ro Méras, kiun proponon oni decidis aldoni al la aktoj ne kaŭzante alian agon.

La prezidanto dankis la ĉeestantojn kaj sekretarion, s-ron Ahti, kiu siavice dankis prezidanton. Ĉeestantaro aplaŭdis.

La konsilantaro, kiu tuj post la kunsido kunvenis inter si elektis la jenajn funkciantojn: Prezidanto s-ron John Merchant el Sheffield, vicprezidanto s-ron Albin Sandström, sekretario s-ron Leander Tell.

*Leander Tell,*
prezidanto.

*Arvo Joh. Ahti,*
sekretario.

## Regularo de la „Internacia Federacio por komuna komerca lingvo“

*Art. 1.* Al la „Internacia Federacio por Komuna Komerca Lingvo“ povas aliĝi ĉiu persono, entrepreno aŭ organizaĵo, kiu havas intereson por la disvastigo de Esperanto en komerco kaj industrio.

*Art. 2.* La federacia celo estas: gvidi la internacian laboron por la enkonduko de Esperanto en komerco kaj industrio laŭ fakista vidpunkto, kaj rilate al tiu laboro servi kiel informa kaj helpa centro por la membroj.

*Art. 3.* En la federacian konsilantaron delegas ĉiu nacia organizaĵo por komuna komerca lingvo sian sekretarion kaj la jara kunsido kvin (5) aliajn diverslandajn personojn. Ili elektas 1 prezidanton, 1 vicprezidanton, 1 sekretarion, kiuj reprezentas la federacion ekstere.

La sekretario prizorgas la aferojn de la federacio, sed povas finance ĝin ligi nur en konsento kun siaj du kolegoj aŭ kun la konsilantaro.

*Art. 4.* Ĉiu propono, portanta la subskribojn de tri konsilantoj, devas esti submetata al la prijuĝo de la tuta konsilantaro.

*Art. 5.* La sekretario kolektas la kotizojn kaj respondas antaŭ la jarkunveno. Pro tio la jarkunveno elektas du (2) reviziontojn, kiuj prezentas sian raporton samtempe kun la jara raporto de la sekretario.

*Art. 6.* „Honora Komitato“ konsistas el ĝis 12 eminentaj personoj diverslandaj, kiuj deklaras sin pretaj per sia nomo apogi la Esperantan komercan movadon. Ili ne partoprenas en voĉdonoj, sed havas la rajton proponi kaj konsili.

*Art. 7.* En voĉdonoj decidas la simpla primulto; ĉe egalnombro de la voĉoj decidas la voĉo de la prezidanto. Ĉiu konsilanto havas unu voĉon.

*Art. 8.* La sekretario publikigas ĉiujn informojn rilate al la federacio en la ĉefaj esperantistaj gazetoj, almenaŭ en „Esperanto“ de UEA, „Esperanto Triumfonta“ kaj „Internacia Komerca Revuo“, se ĝi plu aperos.

*Art. 9.* Por kovri la elspezojn de la konstanta sekretariejo, ĉiu nacia organizaĵo pagas kotizon de Fr. sv. 5 po ĉiu deko da membroj, aliaj membroj pagas po Fr. sv. 5.—.

*Art. 10.* La federacio starigas amikajn rilatojn kun samfakaj internaciaj organizaĵoj precipe kun Universala Esperanto Asocio, de kiu ĝi estas entrepreno.

*Art. 11.* La sekretario prezentas ĉiujare raporton pri sia agado al la konsilantaro. Tiu raporto estu preta kaj skribe konigata al ĉiuj konsilantoj almenaŭ 1 monaton antaŭ la Ĝenerala Kunveno, kiu okazos kutime dum la „Universala Kongreso de Esperanto“.

*Art. 12.* Pri la disigo de la federacio kaj pri la utiligo de ĝia havaĵo decidas voĉdono.

## Filatelistoj

14 Aŭgusto 1922.

Kiel prezidanto kaj sekretario de la kunveno funkciis Lauri Laiho.

Oni decidis turniĝi al la redaktoro de revuo «Esperanto» kaj peti lin daŭre eldoni filatelian angulon en la revuo. Kaj ankaŭ, ke li, se eble, de nun aranĝu tiel ke en la angulo estu akceptataj ankaŭ anoncoj de veraj filatelistoj, kiuj devus esti rekomendataj ĉu de delegito s'aurba ĉu de iu UEA-no, por ke estu evitataj ĝis nun tiel ofte okazintaj perfidoj rilate al respondo de unua sendinto. Tiamaniere oni povus fidi al ĉiu anoncanto en la angulo, kaj precipe malproksime loĝantaj nenion riskus tuj sendi poŝtmarkojn.

Lasta numero de «Suomen Postimerkkilehti» (Finna Poŝtmarkrevuo), kiu enhavis artikolon en Esperanto, pri «Aŭnus»-markoj estis disdonata al la partoprenantoj. Krom tio vicprezidanto de «Finna Filatelista Societo» prezentis belan kolektaĵon de aŭtentikaj «Aŭnus»-markoj.

Post la diskuto okazis vigla interŝanĝo de poŝtmarkoj.

*Geo. W. Roome.* *Paul Laiho.*

## Sciencistoj

(Internacia Scienca Asocio.)

*Unua konveno* 8 aŭgusto 1922.

La kunvenon malfermis Sro Lappi (Helsinki) kiu proponis kiel prezidanton D-ro Döhler (Riesa), kiel Sekretarion D-ro Loth (Sochaczew); ambaŭ estis akceptitaj. La prezidanto petas anstataŭanton por Profesoro Kamaryt (Bratislava) por kontroli la kason kaj agadon de la aranĝaj laboroj: Sro Saraoja, (Helsinki) akceptas. Oni starigas la programon de la oficiala kunveno, kiu okazos la 9 aŭgusto. Post raporto pri la agado de la pasinta jaro, okazu senrespondigo, poste elekto de la estraro, ŝanĝoj en la statuto. Ĉefan diskutadon kaŭzas la fiksado de la kotizoj, kiun partoprenas D-ro Bischitzky (Praha), Legrand (Montevideo), de Wahl (Tallinn), Profesoro Scholze (Reichenberg).

*D-ro Döhler.*

*Dua Kunveno* 9 aŭgusto 1922.

Post salutoj de D-ro Döhler (Riesa) kiel prezidanto de la kunsido, oni ŝarĝas S-ron D-ron Loth (Sochaczew) je protokolo. Nun D-ro Döhler prezentas sian raporton pri sia agado dum la pasinta jaro. Post la raporto S-ro Isbrücker (Den Haag) prezidas, dankas la raportinton por lia agado kaj mem raportas pri la laboro farita depost la kongreso en Praha de kelkaj inĝenieroj, nome pri la verkado de faka terminaro pri ferbetono.

Ĉar la kontrolado de la kasaj raportoj kaj de la agado ne jam povis esti finitaj, la kunsidantaro decidas laŭ propono ed D-ro Döhler aranĝi novan kunsidon, La provizora estraro estas elektita kiel definitiva por la venonta jaro. La proponotaj ŝanĝoj en la regularo necesaj pro novaj kondiĉoj depost la milito, estas akceptataj kaj la elekto de komisiono pristudonta la tutan regularon en la venonta jaro estas prokrastita.

Je fino D-ro Döhler prezentas proponon de S-ro Wüster, kiu petas kunhelpi al daŭrigo de la katalogo Davidov. Por siaj landoj prezentas sin S-roj Isbrücker kaj D-ro Maruzzi (Zagreb) kiel kunhelpantoj.

*D-ro Döhler.*

## Pacifistoj

La kunsidon malfermis D-ro Felix Iversen en la nomo de Finnlanda Pacifista Ligo. Ĉeestis ĉirkaŭ 60 personoj, el Anglio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, Danio, Francio, Finnlando, Estonio, Germanio, Holando, Italio, Litovio, Polio.

Kiel prezidanton oni elektis D-ron Heinrich Arnhold el Dresden, kiel vicprezidanton S-inon Julie Isbrücker el Holando, kaj kiel sekretarion F-inon Mary Riley el Anglio.

S-ro Aarne Selinheimo el Finnlando prezentis salutojn alvenintajn al la kunsido; interalie sendis siajn salutojn la prezidanto de la »Internacia Movado por Forigi Militon«. »Internacia Senarmiga Movado Nova Jerusalemo« el Praha, »Paco« »Internacia Organizaĵo de Absolutaj Kontraŭ-Militistoj«, kaj maljuna pacifista veterano Redaktoro J. A. Makinen. Telegramon sendis »Kristana Laborista Junulara Asocio« de Finlando (ĉirkaŭ 10,000 anoj).

Sekvis naciaj raportoj pri pacifista movado en diversaj landoj: interalie, Danio, Holando, Anglio, Germanio kaj Finnlando.

Poste S-ro Aarne Selinheimo faris referaton por diskutado pri la taskoj kaj devoj de Esperantistaj Pacifistoj. La kunveno aprobis la proponojn de D-ro Bischitzky el Praha ke Esperantistoj en ĉiuj landoj propagandu (1) por pacifismo en naciaj Esperantistaj rondoj, (2) por Esperanto en naciaj pacifistaj rondoj, kaj (3) por fondi specialajn sekciojn de Esperantistaj pacifistoj kun la celo poste kunligi ilin por formi Internacian Esperantistan Pacifistan Ligon. Post longa kaj vigla diskutado oni decidis ankaŭ elekti komitaton kiu prizorgos pri la aprobitaj proponoj. Por la prepara komitato oni elektis:

el *Anglio:* F-ino Mary Riley, Chatsworth House, Cliffe-at-Hoo, Kent.
*Ĉeĥoslovakio:* D-ro Adolf Bischitzky, Praha V, Mikulášská 12.
*Danio:* F-ino Margarethe Noll, København, Fredericiagade 6.
*Finnlando:* S-ro Aarne Selinheimo, Helsinki, Konstantina str. 25.
*Germanio:* D-ro Heinrich Arnhold, Dresden, Tiergartenstr. 32.
*Holando:* S-ino Julie Isbrücker, 's Gravenhage, v. Beverninjk str. 10. kaj sekvantaj alilandanoj promesis sian helpon ankaŭ kiel korespondantoj.
*Francio:* S-ro Gabriel Chavet, 57, rue Coulaincourt, Paris.
*Estonio:* F-ino Helmi Drezen, Postkast 6, Tallinn.
*Italio:* Profesoro Adamo Lacalendola, Via Dante No 323, Bari.
*Litovio:* S-ro Ludoviko Alsieka, Dotnava, Hedainiai.

Oni raportis pri la Deklaracio Kontraŭmilita de la Internacia Movado por Forigi Militon, kiu estas aprobita en la faka kunsido de Pacifistoj ĉe la XIII-a en Praha: La deklaracio estas jena: »Kredante, ke ĉia milito estas malprava, kaj ke la armado de la popolo, ĉu mare, tere, aŭ aere, estas perfido kontraŭ la spirita unueco kaj la inteligento de la homaro, mi deklaras, ke estas mia intenco neniam partopreni en milito, ataka aŭ defenda, internacia aŭ civila, ĉu portante armilojn, fabrikante municion aŭ memvole kotizante al milita prunto, aŭ uzante mian laboron kun la celo liberigi aliajn por milita servo. Plue mi deklaras mian intencon klopodi por la forigo de ĉiuj kaŭzoj de milito kaj labori por la fondo de nova socia ordo bazita sur kunlaborado por la komuna bono.

Ankaŭ oni raportis pri la leĝo kiu anstataŭigas militservon per civilservo en Danio, Svedio, Norvegio, kaj kiu estas farota en Finnlando kaj Holando.

*F-ino Mary Riley.*
(protokolintino.)

---

# TRA ŜERCA BINOKLO

## Tipoj de Kongresanoj

La akceptejo estas nun plena, plenega de la tuta Kongresanaro, kiu zumas, bruas, bruegas. Ĉie babilantoj, en la ĉambroj, en la koridoro, sur la ŝtuparo, en la ĝardeno. Ne estas la Turo Babela, sed la Turo Babila. Kaj sur ĉiuj vizaĝoj brilas la ĝojo retrovi amikojn, ne reviditajn de unu jaro, de du jaroj, eĉ kelkafoje de la Bulonja Kongreso. Kaj oni salutas malnovajn konatojn, oni konatiĝas kun novaj samideanoj, multenombraj en tiu-ĉi Kongreso. Kaj sidante sur benketo en angulo mi rigardas, pasantaj kaj repasantaj, la diversajn tipojn de Kongresanoj, kiujn oni renkontas en ĉiuj niaj jaraj kunvenoj.

Jen kelkaj el ili:

*La verda Kongresano,* esperante vestita, kun verdaj steloj sur la ĉapela rubando, verda stelo al kravato, al ĉenhorloĝo, kongresajn insignojn sur la jaketo kaj sur la veŝto. Li havas verdajn flagetojn en ĉiuj butontruoj, en la mano esperantan ventumilon, rigardas la horon en esperanta horloĝo kaj abomena! li purigas la nazon per malgranda esperanta flago. Ĝenerale li estas senalkohola vegetarano kaj manĝas nur verdajn legomojn.

*La bonhumora Kongresano* — ĉiam ridanta, ĉiam kontenta. Li venis al kongreso por amuziĝo, kaj li amuziĝas. Li ĝojas kiam brilas suno, li ankaŭ ĝojas kiam falas pluvo. Li gratulas ĉiun, aplaŭdas post ĉiuj parolado', havas ĉiam saman opinion kiel la kunparolanto. Li estas kontenta pri la manĝo, kontenta pri la ĉambro, kontenta pri la puloj (ĉar ekzistas ankaŭ kongresaj puloj); ĉe la manĝotablo, li komunikas sian bonhumoron promenante.

*La malbonhumora Kongresano* — ĉiam malgaja, ĉiam kritikanta. Tuj de la alveno li kritikas kaj plendas. La donitan loĝejon li trovas abomena, li postulas tuj alian. Kiam la ŝanĝo estas farita, li sopiras je la unua. En la kunvenoj li plendas tial ke lia sidloko estas tro malproksima, ke la oratoroj tro mallaŭte parolas. Se la parolado estas longa, li plendas, tial ke oni diras neutilajn vortojn; se la parolado estas mallonga, li plendas, tial ke la oratoro petis parolon por nenion diri, ĉiam kaj ĉie la malbonhumora Kongresano malfermas la buŝon nur por diri malagrablajon. Kaj la lastan tagon li malaperas murmurante, kritikante la faritan elekton pri la sidejo de la venonta Kongreso.

*La politika Kongresano,* kiu revas nur pri parlamento, partioj, proponoj ktp. Li portas ĉiam sub la brako grandan paperujon kun dokumentoj, projektoj, broŝuroj. Li alkondukas vin en angulon por malkovri al vi grandan sekretor. Li estas aŭtoro de vasta projekto por organizado de Esperantistaro. Ĝis nun oni parolis nur pri tera Esperantistaro; sed oni scias, ke kredeble oni povos baldaŭ interrilatiĝi kun aliaj planedoj. Tiutempe la propagando estos ne sole nacia, ne sole internacia, sed ankaŭ interplaneda. Oni do devos nun pensi pri kreado de centra organizo por la tuta suna sistemo. Tiu ĉi centra organizo bezonas oficejon, sekretariejon Sed ekzistas jam tute preta oficejo, la Centra Oficejo, pro la multaj

aŭtobusoj pasantaj antaŭ la pordo, plene konvenaj por la rolo de Sunsistema Oficejo.

*La mallaborema Kongresano* — kiu venis al la Kongreso por ripozi kaj... kaj ripozadas. Li leviĝas tre malfrue, bone ĝuas la matenmanĝon, kaj ĉirkaŭ la 11a iras al la akceptejo. Li babilas en la koridoroj, skribas kelkajn poŝtkartojn kaj je la unua iras por tagmanĝi kun samideanoj. Li longe babilas, trinkas nigran kafon kaj je la 3a akompanas amikojn ĝis la pordo de l'kongresejo. Kelkfoje li eniras vestiblon por fini babiladon. Li unufoje surprenis la ŝtuparon kaj rigardis scivole tra la pordo en la kongresan salonon. Sed la severaj mienoj de la estradaj sinjoroj lin timigis kaj li tuj malaperis. Dum la kunvenoj li promenas tra la urbo, aŭ, sidanta en publika ĝardeno, legas nacian gazeton. Li konas ĉiujn kafejojn aŭ sukeraĵejojn de la kongresa urbo, li informiĝis pri la plej bonaj restoracioj, amuzejoj sed havas nenian ideon pri oficialaj institucioj.

*La ĝenerala specialisto* — ano de ĉiuj societoj, ligoj aŭ asocioj. Li ĉiam kuras kun programo en la mano, ŝvitante kaj viŝante la frunton. Li ĉagreniĝas, tial, ke okazas samtempe kunvenoj de katolikoj kaj liberpensuloj, bankistoj kaj socialistoj, farmaciistoj kaj juristoj. Li estas en stranga embaraso; ĉu li estas pli socialisto ol bankisto, aŭ pli bankisto ol socialisto. Ne trovante solvon de l'problemo, li eniras kunvenon de la maristoj (li neniam vidis la maron) kie oni lin enskribas en la societon „Amikoj de la maro".

*La kolektista Kongresano* — kiu kolektas ĉiujn librojn, ĉiujn paperojn, ĉiujn afiŝojn rilatantajn al Esperanto. Li abonis ĉiujn esperantajn gazetojn, aperintajn kaj malaperintajn. Li havas la solan konatan ekzempleron de la Groenlanda Esperantisto, presita ĉe la norda poluso mem sur foka haŭto. Li posedas ankaŭ luksan albumon en kiu li kolektis pli ol 80 diversnaciajn subskribojn de eminentuloj. En tiu-ĉi momento li estas tute ĉagrena; li vidis en la mano de samideano prospekton de iu esperanta botpoluro, kiu mankas en lia kolekto kaj li nenie povas ĝin trovi. Li petas la maloftaĵon de ĉiu oficisto, de ĉiu vendisto, kaj fine, ho feliĉo! sur la strato li ĵus vidas unu iom makulitan de koto. Zorge li ĝin prenas, viŝas per la naztuko, stampas per sia marko kaj enskribas en la katalogon kun numero 345678.

*La Kongresano kiu elpensis novan vorton;* terura viro, kiu vin prenas per butono de jaketo, vin puŝas en angulon de la koridoro kaj ne volas vin liberigi. Vane vi konstante jesas, vane vi oscedas, vane vi rigardas la poŝhorloĝon. Li daŭrigas malvarme la pruvadon. Esperanto estas perfekta, per ĝi oni povas esprimi ĉiujn nuancojn de l'penso krom unu, Esperanto havas ĉiujn kvalitojn, ĝi estas logika escepte pri unu punkto. Kelkafoje la Kongresano kiu elpensis novan vorton kaptas alian elpensinton. En tia okazo ambaŭ parolas samtempe, ne aŭskultante unu la alian. Fine, *last but not lest,* kiel diras niaj britaj samideanoj.

*La Kongresano kiu scias nenion pri Esperanto,* krom la nomo Esperanto. Vi ridas, vi diras ke mi estas ŝerculo, mensogulo. Mi ĵuras ke tiu speco ekzistas. Mi vidis la solan ekzempleron ĝis nun konatan per miaj propraj okuloj. Li havas du krurojn, du brakojn, du okulojn kaj unu buŝon, el kiu neniam eliris iu ajn esperanta vorto.

La dirita Kongresano kutimas dum sia libertempo ĉeesti iajn kongreson por amuziĝo. Li legis en la gazeto pri la Praha kongreso kaj tuj aliĝis. Li alvenis Prahon kaj esti tute mirgita. En ĉiuj aliaj kongresoj oni parolas diversajn lingvojn kaj li povas kompreni la paroladojn faritajn en sia propra gepatra lingvo. Nun en tiu ĉi esperanta kongreso li povas nenion kompreni, ĉar ĉiuj parolas la saman lingvon tute ne konatan de li. Kia ridinda kongreso! Li pensis ke oni faras paroladojn, por klarigi kio estas Esperanto. Sed tute ne, oni nenion klarigas, oni nur uzas la lingvon. Kia stranga kongreso! Kelkaj samideanoj donas al li la ŝlosilon. Li legas la frazon pri artikolo, kritikas la unuecon de ĉi tiu, kritikas kelkajn radikojn de la vortaro, deklaras, ke al Esperanto ĉiam mankos literaturo, kaj malaperas, ĵurante ke neniam li ĉeestos denove esperantan kongreson. Tia konkludo estas malsama je mia ĉar mi apartenas al tipo de Kongresanoj kiuj intencas partopreni al ĉiuj kongresoj.

---

# ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

*Septembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Ĉu multaj anoj de ELA estis en Helsinki? Ni tion ne sciis, ni ankaŭ ne sendis tien nian albumon pro la altegaj sendkostoj. Senparole la portretoj ripozas kune, tamen ili esprimas la deziron, ke nove aliĝintaj kolegoj ankaŭ sendu siajn portretojn, por ke la diligenta kolegaro almenaŭ en la albumo kuniĝu kaj kvazaŭ konatiĝu. Ili estas tre unanimaj kaj komprenas, ke nur per severa disciplino ni povos venki.

Ĉe pli ol unu portreto aperis malgranda nigra kruco: ĉiam dolorinda perdo! Novan kruceton ni devis skribi sub la portreton de S-ino Hilma Hall, kun ploro ni tion anoncas. Ŝi mortis la 3an de Junio, ĝuste nun antaŭ la sopirata kongreso en ŝia hejmlando.

El la multaj alsenditaj libroj kaj gazetoj oni vidas, ke Esperanto vivas kaj tial ankaŭ normale evoluas.

D-ro P. C. Monti esperantigis kaj sendis „Italaj Rakontoj" de Edmondo de Amicis, kaj „La Pesto en Milano" dum 1630, el „La Gefianĉoj de A. Manzoni. Per tio nia samideano Monti sekvis la konsilon de nia Majstro, traduki ĉefverkojn el sia hejmlanda literaturo. Krom tio S-ro Monti aperirigis lernolibron kun la titolo: „Fundamenta Gramatiko", (nur en Esperanto) sur la bazo de la Ekzercaro. Estas novaĵo, ni deziras bonan sukceson.

Aperis ankaŭ: Nova Vocabolario Esperanto-Italiano de G. Meazzini. La lerta kompilanto en aldono „Nomi di Nazione" per unu tondila tranĉo forigas „ujo" kaj „lando". Nur sufikso „i" laŭ lia opinio estas bezona, oni do skribu kaj diru „Francio", sed „Franca".

Kvar belegajn volumojn de la nova kolekto: Internacia Mondliteraturo aperigis la eldonejo Hirt & Sohn, Leipzig. I Goethe, Hermano kaj Doroteo. (B. Kuester) 2a eld. IV Raabe, La nigra galero. (F. Wicke) 2a eld. VII Chamisso, Petro Schlemihl (E. Wuester). VIII Stamatov. Nuntempaj Rakontoj (I. H. Krestanoff) Rek. de ELA. Nur la oka volumo portas la rekomendon de ELA. Sed la tri aliaj ĝis nun aperintaj volumoj I, IV, VII ankaŭ estas bonegaj. La firmo Hirt & Sohn fervore klopodas je eldono de verkoj aparte bonstilaj. La Germana Esperanto-Instituto en Leipzig ĉiam sin montras helpema. Bona papero, klara presado kaj plaĉa eksteraĵo de la kolekto igas ĝin tre alloga.

Kiu konas nian Majstron nur laŭ lia mi da flanko, tiu legu en n-ro 14a de „Literaturo" la artikolon: „Patriotismo kaj ŝovinismo". Rimarkindaj vortoj, diritaj 1907 en la Guildhall en London. Energie, preskaŭ kolere Zamenhof kondamnas ŝovinismon, kortuŝe varme li memoras sian karan Litovujon, la landon, kie li naskiĝis

En Verda Utopio, Nr. 5a, Majo 1922, pastro Ŝ-riŝev citas la jenan japanan proverbon: „Kiun ci amas, tiun ci kritikas." Mi ja volas vidi la amaton esti senpeka, pura, sankta!

Tre ŝatinde estas, ke multaj el niaj gazetoj nun aperas nur esperante, ekz. Esperanto Triumfonta, La Marto, Litova -telo, Kataluna Esperantisto, Konkordo, L'Esperanto (itala organo), la Vegetarano, La Esperantisto (Wien) kaj aliaj. Sennacia Revuo kompreneble sin montras ankaŭ pure esperante, ĝi ja volas esti legata de la tuta mondo. Ĝia enhavo estu ĉiam verama, sed neniam malamika. La „nova sento" neniam manku!

La estona novelisto Friedebert Tuglas donis la tradukopermeson de siaj verkoj al la tuta estona esperantistaro. La rakonto esperantigita de nia kolego Henriko Seppik nomiĝas „Popi kaj Huhuu". En estona lingvo ELA signifas: „Vivu!" D-ro Andreo Fiŝer tradukis el la rusa lingvo: Puŝkin, Pikreĝino kaj Neĝblovado. J. Fethke tradukis el germana lingvo romanon de Artur Oelwein: Vojaĝo al Grizujo. Li ankaŭ entreprenis la tradukon de Sienkiewicz Quo vadis laŭ pola originalo. Al Bela Manto (Boris Mirski, la talenta perinto de Lermontaj versaĵoj) ni konsilas ne daŭrigi la tradukon de „Faust", ĉar jam tri germanaj poetoj sin okupas pri tiu ĉi verko. Tamen apero de partoj el la dramo ĉiam estos interesa. Ĝenerale traduko de tradukoj ne estas rekomendinda.

Jus sciigo venis, ke ni ankaŭ kruceton aldonu al la nomo de nia kolego D-ro Konstantin Ŝidlovski, li mortis 3. 10. 1920. Sed lia fratino vivas, Maria Ŝidlovskaja, la talenta tradukintino de „La Senlingvulo“, aperinta en Esperanto Triumfonta. Ŝi loĝas en Dmitrov (Mosk. gub.) Sieverk ulica dom A. Sobolev, tre fervore laborante por Esperanto per instruado kaj varbado.

Aliĝis S-ro Josef Wünsch, Karlsbad, Ĉeĥoslovakio, Brückenstr. „Krüger“.

Tre laŭdinda estas la fervoro kaj laboremo de niaj rusaj samideanoj organiziĝintaj en la Rusa Sekcio de la ELA. En Junio ili aperigis „internacian literatur-socian revuon“, nomatan „La Nova Epoko“. La 1a numero (sur bona papero, modele presita) montras tre d versspecajn interesajn tekstojn. (16 paĝoj. Adreso: la Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskva). La literaturemaj Esperantistoj tre sentas la mankon de bona literaturgazeto, kia estis nia klasika „Revuo“ aperinta ĝis la milito en Paris. Ni ja havas la tre laŭdindan gazeteton trimonatan „Literaturo“, kiun eldonas la Brita Literatura kaj Debata Societo, sed ĝia aperado en tre bonvaluta lando neebligas ĝian abonon al la pli granda parto de la eŭropaj Esperantistoj. Tial estas dezirinde ke „La Nova Epoko“ akiru internacian kunlaborantaron por iĝi iom post iom inda anstataŭaĵo de „La Revuo“.

Laŭ la modelo de la Rusa formiĝis nun Ukraina Sekcio de ELA. Ĝia sekretario estas E. Miĥalski.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.

---

## Propaganda fundo

Por helpi al la ĝenerala propagando la sekvantaj samideanoj bonvolis donaci jenajn sumojn:

S-ro J. M. Warden, Edinburgh (10 £); S-ro Merchant, London (5 £); S-ro May Thomas, London (1 £); S-ro Fischer, St. Gallen (100 fr. sv.); S-ino Tissot-Martin, Basel (200 fr. sv.); S-ro Isella, Lugano (5 fr. sv.); S-ino Maria van Rees, Wilderswil (25 fr. sv.); S-ro Deligny, St. Omer (25 fr. fr.); S-ro Delanoue, Paris (50 fr. fr); F-ino Bonnett (50 fr. fr.); S-ro Chilard, Versailles (50 fr. fr.); S-ro Tamm, Kaarepere (30 fr. sv.); S-ro Felix Diez, Bilbao (25 pes.); S-ro Blažek, Olomouc (30 Kč.); S-ro Neužil (20 Kč.); Sennomulo el Estonio (300 Lmk); S-ro Sörensen, Odense (10 Kr. dan.); S-ino Tiard, St. Maur, Seine (100 fr. fr.); S-ro K. von Frenckell, Helsingfors (1000 fmk); S-ro Leakey, London (300 fmk); S-ro Enrique Legrand, Montevideo (250 fmk); S-ro Hudson, Melbourne (200 fmk); S-ro J. M. Arago, Genève (200 fmk); S-ro Narita, Tokio (100 fmk); S-ro Bramkamp, Scheveningen (100 fmk); Geroj Isbrücker, 's Gravenhage (100 fmk); S-ro Strazde Jelgava (100 fmk); S-ro Scholze Reichenberg (100 fmk); S-ro Ahonius, Helsinki (100 fmk); S-ro Essigmann, Warszawa (100 fmk); S-ino Parrish, Buffalo Usono, N. Y. (100 fmk); S-ro Saukkonen, (100 fmk); S-ro Pellett (100 fmk); Sennomulo (100 fmk); F-ino Jensen (100 fmk); S-ro pastro Schermenhorn, Nederlando (100 fmk); S-ino Zamenhof (50 fmk); F-ino Helmi Drezen, Tallinn (50 fmk); S-ro Ekström, Turku (50 fmk); F-ino Hellström (50 fmk); S-ro Cilö (50 fmk); S-ino Figuières (50 fmk); S-ro Karpelainen (50 fmk); S-ro Salókannell (25 fmk); S-ro Valentinov (10 fmk); S-ro Sakovič (5 fmk).

Tuta sumo ricevita je la 15 Aŭgusto: 670,50 fr. svis., promesoj: 575.— sume 1245,50 frankoj svisa valoro.

*Hans Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

Helsinki 15 Aŭgusto 1922.

---

# KRONIKO.

## Albanio.

Per oficiala letero al D-ro Edm. Privat la registaro de Albanio informis, ke la Ministraro decidis la devigan enkondukon de Esperanto en ĉiuj duagradaj superaj kaj komercaj lernejoj per dekreto n-ro 475 de la 3 junio 1922.

## Italio.

La grupo de Venezia eldonis belan broŝuron ilustritan kaj invitas la esperantistojn viziti ilian pentrindan urbon okaze de la 13a internacia ekspozicio de arto. Rabato: 30% sur la fervojoj. Kunveno okazos antaŭ la itala kongreso en Trieste.

## Rumanio.

La 2a rumana esperanta kongreso okazis la 8—11 julio en Cluj sub protektado de la Ministroj de Publika Instruado kaj de Kultoj. Ĉeestis 400 personoj el kiuj kelkaj bulgaraj, hungaraj, germanaj, rusaj, usonaj samideanoj. Oni reorganizis la Rumanlandan Esperantan Societon por kies gvidado oni elektis komitaton konsistantan el S-roj A. Cseh, J. Giuglea, S. Miluta, D-ro L. M. Campianu, T. Morariu, Prof. Cornea, F. Engelman, majoro A. Hasenöhrl. Okazis koncerto, bankedo kaj balo. La gazetaro favore raportis.

Nia samideano japana S-ro Ĉikao Fujisaŭa vizitis la grupon de Cluj. Li estis oficiale akceptita de la prefekto kaj urbestro. Okazis festa esperanta kunveno kaj bankedo oferita de la urbo honore je la gasto. S-ro Fujisaŭa vizitis ankaŭ Tagul Mureŝ, kie lie estis same entuziasme akceptita.

## Svislando.

Laŭ propono de S-ro Darmond el Montreux la kongreso de svisaj fervojistoj okazinta en Bern akceptis favoran proponon pri helpo al la studo de Esperanto.

La Svisa Foiro de la Agrikulturaj kaj Nutrajaj Industrioj (Comptoir Suisse des Industries Agricoles et Alimentaires) en Lausanne akceptas Esperanton por korespondado kun eksterlando.

## Ameriko.

Kiel en la antaŭaj kongresoj, la 7a Brazila Kongreso de Geografio aprobis deziresprimon pri la uzo de Esperanto en internaciaj kongresoj. Tiu propono estas prezentita de D-ro Simoens da Silva, reprezentanto de la Brazila Ligo Esperantista.

Praktika kurso de Esperanto direktata de S-ro Nuno Baena funkcias en la Centra Policejo de Rio de Janeiro. Ĝi celas prepari kelkajn policanojn por helpi fremdajn vizitantojn al la Nacia Ekspozicio.

---

# TRA LA GAZETARO

**La Esperanto-kolektanto** (Josef Kocourek, Arthaberplatz 3, Wien) sin dediĉas al la interŝanĝo de PM, PI, ktp. Ĝia unua n-ro komencas priskribadon de malnovaj esp. sigelmarkoj.

**Libero.** Tiu neabonebla hektografita gazeto publikigis n-ron, kiu estas vera geografia libro pri Japanio.

**Internacia Komerca Revuo** publikigas interesan intervjuon de S-ro Theodor Tobler, direktoro de la „S. A. des Chocolats Tobler“ en Bern. Jen interesa rimarko:

„S-ro Tobler rajtigas nin deklari, ke la nomo de la ĉokolado „Toblerido“ nur hazarde aludas al Ido: „Toblerido“ estas la participo pasinta en hispana lingvo kaj volas doni la ideon de „ĉokolado toblerizita“! Hispana lingvo estas tre valora por la fabriko, ĉar ĝia eksporto grandparte iras ankaŭ al Suda Ameriko.“

La sama numero enhavas ankaŭ artikolon kontraŭ la fantaziuloj, kiuj tradukas sian nomon (ekzemple: Kornfeld = Grenkamp).

**Teristo** (St. Szabuniewicz, poŝtkesto 633, Moskva) publikigas en sia n-ro 3 artikolon tre interesan pri la edukejo de Rabindranath Tagore.

**Sveda Laborista Esperantisto** (Brynäsgatan 30, Gävle). Nova gazeto ruĝe presita. Ĝi enhavas plejparte svedlingvajn artikolojn.

**La Nova Epoko** (1a Tverskaja-Jamskaja 35, kv. 5) Moskva. Bone redaktita literatura scienca kaj esperanta revuo. — La rusa sekcio de Esperanta Literatura Asocio proponas al la rusaj samideanoj traduki jenajn verkojn. *F. Dostojevskij:* Demonoj; *M. Gorkij,* La Patrino, La Malamikoj. *L. Andreev,* Savva; Rakonto pri la sep pendigitoj; *N. Lerner,* Decembruloj. *D. Merefkovskij,* Decembruloj.

Specialaj fakoj sin okupas pri la traduko de la verkoj de Tolstoj kaj de Puŝkin. Tradukistoj jam sin okupantaj pri tiuj laboroj bonvo'u interrilati kun la sekcio. Sekretario: N. Nekrasov, adreso de la Nova Epoko.

**Verda Utopio.** Tiu japana gazeto presas verketon de franca verkisto V. Hugo tradukita esperanten el portugala lingvo! Oni ne sufiĉe ripetos ke oni traduku nur el sia propra lingvo kaj nur el originalo!

# Esperantista Parolejo

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj Delegitoj.*

## Ne tedu

per poŝtmarkoj aŭ poŝtkartoj la Delegitojn de UEA kaj la personojn kiuj tion ne speciale postulis per anonco!

Se vi respondas je anonco bonvolu atente ĝin legi.

Kvankam lia anonco avertas *ke li rifuzos* PI, PM, ktp., nova samideano S-ro E. A. Young el Panama devis skribi al ni tiun plendleteron:

„Ĝis nun mi ricevis nur petojn pri poŝtmarkoj! Ĉu ĉiuj esperantistoj estas frenezaj por tiu ĉi malsaĝa interŝanĝo? Ili skribas tian esperanton, ke nur la vorton „samideano" oni povas kompreni. Ĝi estas pli malbona ol mia esperanto. Aĉuloj!... Konstruu la pendigilon!"

Ne uzante tiun... ekstreman rimedon proponitan de S-ro E. A. Young ni tamen atentigas precipe la kursgvidantojn por ke iliaj lernantoj nur ĝustokaze sendu poŝtkartojn aŭ poŝtmarkojn.

Ili ankaŭ bonvolu atentigi ilin pri la diferenco inter la *listo de Delegitoj* kaj *interrilata adresaro* en nia jarlibro 1922.

*La C. O. de UEA.*

## Oni laŭdas!

S-roj *Krajĉa* kaj *Svaĉina* el Holeŝov, Ĉeĥoslovakio, tutkore dankas al S-ro Leo Brieger, Alex. Ŝandor Stern kaj al delegito August Strauch kaj ĉiuj gesamideanoj, kiuj akompanis nin dum la kongreso en Breslaŭ. Ankaŭ mi estas tre dankema al S-ro delegito de U. E. A. Joh. Schwaiger kaj S-ro Max Blankheim, fervoja ofic. el Berlin-Steglitz, por iliaj gravaj servoj kaj informoj kaj helpo dum trapaso tra Berlin.

Ni neparolas la germanan lingvon, sed tamen ni vojaĝis bone tra Germanio per helplingvo Esperanto.

S-ro *G. N. Teterin* en Petrograd tutkore dankas F-inon Helmi Drezen en Tallinn (Estonio) por multmonata perado inter li kaj eksterlando.

S-ro *Léon Agourtine*, membro de UEA en Paris, dankas pro afabla akcepto, S-ron J. Glück, membro de UEA en Berlin, S-ron Freund, delegiton kaj S-ron Havellok, membro en Breslau.

*Britaj Samideanoj*, trapasintaj Parizon kore dankas al VD en Parizo F-ino G. Gérard, kaj anoj de la Parizaj grupoj por altvaloraj servoj.

S-ro *Filipo Kurjanski*, membro en Bialystok, dankas F-inon Helmi Drezen en Tallinn, por la perado de korespondado kun Ruslando.

S-ro *Rob. Kreuz*, direktanto de la esp. fako de l'foiro de Frankfurt kaj ĉefdel. de UEA dankas al S-ro Dr. A. Fiŝer, Tiflis (Georgio) pro rapide plenumita propagando-servo.

*G. Deŝkin*, Moskva, dankas nekonatan samidean(in)on kiu sendis al li pere de la Nansen'a organizajo pakajon de nutraĵoj.

S-ro *J. M. de Villa* VD en Habana, Cuba, kaj lia edzino, kore dankas pro servoj aŭ ĝentilajoj dum ilia vojaĝo tra Eŭropo al: S-roj Link kaj Kauffmann, D.

S-ro *E. Andersson* en Malmö (Svedio) kore dankas jenajn samideanojn kiuj kompleze helpis lin kaj agrabligis lian restadon en ilia urbo: S-ro A. Hoffmeister, Hamburg, A. Wilkert kaj H. Hurler, Köln, M. van Aelst, Bruxelles, L. Gervois, Paris, L. Chilard, Versailles, E. Friebel, Dobritz.

## Oni proponas

Per senfadena telefono la homa voĉo nun povas ekbrili trans landon kaj maron po 186.000 miloj ĉiun sekundon.

Nuntempe la efika distanca limo de tiu nova komunika metodo estas kelke da centoj da miloj, sed tiuj limoj baldaŭ pligrandiĝos.

En Usono, Britlando kaj aliaj landoj, miloj da personoj interesiĝas pri la nova komunikilo; sole en Usono pli ol miliono da senfadenaj aparatoj jam funkciis en privataj domoj.

Tia granda intereso vekiĝas pri senfadenaj aferoj, ke la fabrikistoj de la necesaj aparatoj tute ne povas liveri novajn aparatojn sufiĉe rapide al mendantoj.

Kian signifon senfadenaj aferoj havas por Esperanto? Laŭ mia opinio nenio povas esti pli grava, ĉar nur lingvaj bariloj malhelpos la plenan internacian uzadon de senfadena telefono kaj ĝi nur povas plene funkcii internacie per la helpo de internacia lingvo.

Tiuj kiuj interesiĝas pri la estonta uzado de senfadena telefono konstatos la neceson de internacia lingvo kaj jam en diversaj teknikaj ĵurnaloj la temo estis diskutita.

Leginte tiujn ĵurnalojn oni trovas ke la inĝenieroj kaj specialistoj, kiuj traktis pri la lingva malfacilajo ne sciias la faktojn pri jam vivanta lingvo Esperanto.

Do, estas la devo de ĉiu Esperantisto propagandi Esperanton inter ĉiuj personoj en sia distrikto, kiuj interesiĝas pri senfadenaj telefonaj aferoj.

*Subskribo nelegebla.*

# Esperantista Vivo

Al Ge-roj *O. Sklenĉka* del. en Hradec Králové naskiĝis filino nomita Eva.

Al ge-roj *J. Friedrich*, Del. en Koŝice, Ĉeĥoslovakio naskiĝis filino nomita Eva.

Al Ge-roj *R. Sakowicz* en Nowogrodek (Polio) naskiĝis filino.

Al Ge-roj *Fr. Krejĉi* en Köflach-Lankowitz, Stirio, naskiĝis filo nomita Karl.

**Fianĉiĝo.** S-ro *Luis Gastañaga* el Bahia Blanca (Argentino) kun fraŭlino *Clara J. Binnier* el Saavedra (Argentino).

**Edziĝoj.** F-ino *Emma Crisinel*, VD de UEA en Chaux-de-Fonds kun S-ro *Wilhelm Bründler*.

S-ro *A. Pitlik*, Praha kun F-ino *M. Zahradníkova*.

S-ro *Bronislaw Kruszczynski* el Bydgoszcz kun F-ino *Stefanja Ezop*.

F-ino *Ann Knight Robertson*, filino de Ge-roj J. Boyd Primmer del. UEA en Cowdenbeath kun S-ro *James Veitch*. La edziĝo okazis en Esperanto.

# Niaj Mortintoj

S-ro **Francesco Chierego** malnova kaj sindona delegito en Trieste. Multaj esperantistoj bedaŭros la malaperon de tiu fidela samideano.

S-ro **S. Gazan** fervora propagandisto en den Helder (Nederlando).

S-ro **Karel Frankenberger** patro de nia samideano Jiří Frankenberger. Li estis antaŭ kelkaj jaroj delegito de UEA en Chropin.

Nia estimata samideano S-ro von *Frenckell*, kiu prezidis la XIVan kongreson, ricevis kelkajn tagojn antaŭe dolorigan baton per la morto de lia juna filo, droninta en maro dum naĝado. Al li kaj al lia familio ni esprimas tutkoran simpation en tiu kruela cirkonstanco.

S-ino **Hanna Koivu** edzino de nia samideano Hannes Koivu en Viipuri (Finnlando).

**Lucien Cornet,** senatano, urbestro de Lens (Francio). Li prezentis en 1907 al la Senato leĝprojekton pri instruado de Esperanto. Li ĉiam estis favora al nia afero kaj lastatempe akceptis partopreni en la honora komitato de la framasonaj esperantistoj.

Princo **Albert de Monaco** membro de la Scienca akademio. Li estis unu el la subskribintoj de la deziresprimo de la 25 akademianoj. Li estis malnova amiko de Esperanto. Li mortis 74 jara.

PRESEJO »POLITIKA« PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.